ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO



**POEMO DE JOSIF BRODSKI, LASTA NOBELPREMIITO PRI LITERATURO, ESPERANTIGITA POR VI**

**K. JAKOBO REVENOS EL LA NOVA MONDO POR ANIMADI DUM IEK-1988, EN METZ**

numero 13. 1a de la 3a jaro 15DEC87

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

Jarabono

6 sinsekvaj numeroj : 18 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

Anoncoj

1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

Recenzoj

bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ LA GAZETO NE RESPONDECAS

**PERANTOJ:**

***Aŭstrio :*** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 265 ŝilingoj.*
***Ĉeĥoslovakio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 57 kronoj.*
***Danio :*** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 140 danaj kronoj.*
***Francio :*** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 125 francaj frankoj.*
***F.R. Germanio :*** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne — Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 37 germanaj markoj.*
***Hispanio :*** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 2600 pesetoj.*
***Hungario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 450 forintoj.*
***Italio :*** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 27000 liroj.*
***Jugoslavio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Duŝan ADNADJ, Ŝkolska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 4460 dinaroj.*
***Luksemburgio, Belgio :*** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 775 belgaj frankoj.*
***Norvegio :*** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 140 norvegaj kronoj.*
***Pollando :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1950 zlotoj.*
***Svedio :*** *Gösta PERSSON, Buntmakaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 130 svedaj kronoj.*
***Svisio :*** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 31 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra* ***la abonhelpa fonduso*** *bv. skribi al LA GAZETO*

Aperdato de la venonta numero : **30JAN88**
Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# PRI KONFEDERACIA IDEO



Konfederacio estas aro da federacioj kunigitaj por difinitaj komunaj celoj. Federacio estas daŭra kungrupiĝo de asocioj. Tia loza strukturo, kvankam ĝi ofte ekzistas inter ŝtatoj, neniam sufiĉis por militista fortostreĉo, nek por ekonomia centraligita mastrumado. Sed ĉu Esperantio estas ŝtato? Ĉu ni devas streĉadi niajn fortojn por milita venko? Ĉu ni havas unuigitan ekonomian sistemon? Se ne, ĉu ne estus pli fruktodone konfederacie labori en Esperantio? Ĉu la piramideska organizado ne estas karaktero de politikaj partioj aŭ de sindikatoj merĝigitaj en ekonomiajn kaj ideologiajn militojn. Ĉu tia organizado ne eluzas la kapablojn en baraktadoj, kiuj malhelpas la kulturan progreson de Esperantio? Ĉi tiuj demandoj estis nur kelkaj inter tiuj, kiujn ni elmetis, kiam ni proponis la lanĉadon de "MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ", kiuj utiligas la internacian lingvon.

**Esperanto estas kultura realaĵo,**
tion oni malfacile povas negi. Oni eĉ ne volas vere forviŝi la kulturan aspekton de nia movado, sed, pro ideologiaj kialoj oni estas konvinkita, ke kulturo estas partopreno el unu civilizacio, kaj Esperanto ne rilatas al ia aŭtonoma civilizacio. Do oni volas limigi niajn projektojn al nura pontolingvo, kiu interligadas la diversajn civilizaciojn, sen elesprimi unu el ili. Tiel oni plifortigas la argumentadon de lingvaj imperiismoj, kiuj ŝajnigas rifuzi la oficialigon de nia lingvo „ĉar ĝi ne esprimas kulturan enhavon". Ni ne bone vidas kiel naciaj premgrupoj, por enkonduko de Esperanto, povus ŝanĝi la sintenon de ĉi tiuj lingvaj imperiismoj. Ŝajnas al ni, ke nur la tre malfacila vojo de konstruado de aŭtenta Esperanto-kulturo, en si mem valora, povus submini la remparojn kontruitajn de potencavidaj naciismoj.

**La Esperanto-kulturo naskiĝas en bazaj aŭ fakaj asocioj.**
Neniu certe atendus la naskiĝon de laŭplana kulturo elvenanta el komitat-kunvenoj. Ni eĉ ne bone komprenas la originalecon de la internacia kulturo. La venonta IEK-1988 estos ĉi-rilate grava alpaŝo al la kompreno de la esenco de la internacia kulturo fontanta el la humaneca internaciismo. Sed la kulturaj skoloj ĉiam ĝis nun estis floroj de lokigitaj grupoj de esperantistoj. Junaj kaj idealismaj homoj grupiĝis kaj ebligis la kulturan kreadon al kelkaj homoj, kiuj kapablis kaperi la internacian sencon de la eventoj ilin ĉirkaŭantaj. Surbaze de intimaj, personaj kontaktoj, mecenatoj ekaperas. Kaj post ili, verkoj, monumentoj, kreitaĵoj. Se oni havus centran komitaton, kies permeso endus por publikigi, prelegi, lekcii, la

**A B O N H E L P A   F O N D U S O**

por helpi niajn samideanojn en kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn; Ni dankas al :

| | | |
|---|---|---|
| S-ro FAVRE | F | 3.50 EKs |
| S-ino LE CORGNE | F | 14.50 EKs |
| Ges-roj THIERRY | F | 28.50 EKs |
| S-ro AUNIS | F | 28.50 EKs |
| S-ro DEVIS | E | 12.00 EKs |
| S-ino BETTMANN | D | 24.50 EKs |
| S-ro ORLIANGE | F | 18.00 EKs |
| S-ro ZACHO | DK | 18.00 EKs |
| S-ino KOIVU | SF | 18.00 EKs |

## VORTOJ DE LA REDAKTORO

kreopovaj homoj helike ekkaŝus sin en siajn konkojn. La rilatoj inter kreantoj kaj policistoj neniam estis tro bonaj. Iu ajn, iom leginte la verkojn de Machiavelli kaj de Hobbes, scias, ke centrigita estra potenco ĉiam sufokas la pensulojn, verkistojn kaj artistojn, ĉar la celo de administracia povo estas la sinkonservado. Kreopovaj homoj ne havas emon estri organizaĵojn, kaj homoj, kiuj fakte estradas, celas nur la bonan funkciadon de siaj organizaĵoj. Nu, organizaĵoj ĉiam pli bone funkciadas sen alvenado de novaĵoj. Ĉi tio ne tro gravas en la vivo de nacioj, kiuj pluvivas biologie kaj perforte pludaŭrigas sian kulturon per devigaj lernejoj, kaj kies ŝtatojn ade ŝanĝadas la naturaj, ekonomiaj, etnaj, klasaj kaj aliaj realaĵoj.

**Esperantistoj estas eble diaspora popolo,**

sed ili ne estas nacio, nek etno. Pro tio nenio povas ekvilibrigi la totalismajn administraciajn premojn en piramideskaj organizaĵoj. Kiam la iluzia revo de sankta unueco en ununura piramideska organizaĵo realiĝos, tiam estos la mortotago de Esperanto. Mi vere volus havi centon da paĝoj por bone ekspliki ĉi tion, por ke vi ne kredu, ke temas pri subjektiva opinio de iu sektisto, sed pri sur longaj pripensadoj konstruita tezo. Necesus pristudadi la kondiĉojn de la naskiĝo de ĉiuj kulturaj atingaĵoj en Esperantio, por konvinkiĝi, ke ili ĉiuj naskiĝis el fortostreĉo de malgrandaj grupoj de aktivuloj.

**Monda federacio de kulturaj asocioj**

estas do neceso por la pluvivo de Esperanto, ĉar nur memstara internacia kulturo povus konvinki la kreopovulojn ellerni la internacian lingvon. Tolstoj ja diris, ke la malgranda, kompare al espero, fortostreĉo, kiun endigas la mastrado de Esperanto, igas devo al klerulo ĝian ellernadon. Sed li estis spiritulo idealisma, tia, kiaj restas malmultaj en nia mondo. Cetere li pludaŭre verkadis en rusa farĉita de francaj paĝoj. La nuntempaj intelektuloj, en la monda konkurencado, ne havas tempon por ellerni neutilaĵojn. Kaj Esperanto estas utila al ili, nur se ili povas ĝin fake utiligi, do nur se ili havas eblecon interkontaktiĝi kaj publikigi per ĝi, nur se ĝi alportas al ili informojn spirite necesajn, kiujn diversaj limoj kaj bariloj deprenadas de ili.

**Fakaj asocioj estos la bazo de Esperanto,**

se ĝi pluvivos dum la 21a jarcento. Ili permesos kungrupiĝon fervoran en asociojn nek geografiajn, nek etnajn, sed intelektajn, fakajn, hobiajn. La kulturaj departementoj estas la realaj teritorioj de Esperantio, kaj la bazaj grupoj de esperantistoj devas organiziĝi laŭ la realo. Ĉu vi konas ion pli ridindan, ol kunvenon de homoj, kiuj havas la saman etnan lingvon, kaj kiuj tamen volas paroli en Esperanto, sen havi ian komunan intereson? Vi bone scias, ke ili alvenas al krokodilado pri banalaĵoj. Ĉu vi jam ĉeestis la diskutadon de diversnaciaj kleruloj, kiuj diskutadas pri

problemo, kiu ilin pasiigas? Ĉu vi jam gastiĝis ĉe homoj, kies lingvon vi ne povas kompreni, sed kiuj havas komunajn interesojn kun vi? Vi bone scias, ke ili alvenas al majstrado de Esperanto pro la interna premo eldiri siajn pensojn kaj sentojn. La tasko de naciaj asocioj estas la elementa instruado de Esperanto kaj la disponigo de valoraĵoj de siaj etnaj kulturoj al Esperantio. La torĉon pluporti fakaj, hobiaj, turismaj, politikaj, sed **ĉiam internaciaj** asocioj. Ĉi tio eblas, nur

**se tiu, kiu havas ion por diri, povas ĝin diri, se tiu, kiu havas ion por publikigi, povas ĝin publikigi.**

La monda federacio de internaciaj asocioj esperantistaj devas do kunveni en forumoj, kie ĉiuj havas parolrajton, kie ĉiuj problemoj povas esti publike pritraktitaj, kie ĉiuj grupoj povas interrilatiĝi sur duflankaj bazoj. Sed ĉi tiuj forumoj ne celos estradi la aktivadojn, laŭ manieroj totalismaj kaj centraligitaj. Fakte la forumoj ne devas havi ajnan ordonrajton. Ili nur havu informorajton al grupoj pri la stato de problemoj kaj la helpopetoj de grupoj realigantaj ian projekton. La monaj rimedoj de la konfederacio ne elvenu el kotizoj, kies elspezadon prizorgas komitatanoj fortranĉitaj de la vere agadaj grupoj, sed el fondusoj starigitaj por precizaj celoj, kiujn la mondonantoj sincere apogadas. La ĝenerala apogado de Esperanto estas, kaj restos la aĉetado de kulturaĵoj esperantistaj : de libroj, de abonoj, de ĉeestorajtoj al kunvenoj, konferencoj, kongresoj. Tiamaniere la agadoj ne aprobataj de esperantistoj normale formortos, kaj la projektoj komprenataj kaj apogataj de esperantistoj prosperos.

**La esperantisma kultura turismo**
disvolviĝu inter grupoj pere de konstruo de ia intergrupa pasporta servo, multe pli grandskala, ol la interindividua, jam bone funkcianta kaj respektinda organizaĵo. Tia, vere kultura kaj interamikiga turismo forigus la justajn ekologiajn riproĉojn adresitajn al amasoturismo pure ekonomia kaj propaganda. Esperantio povus fariĝi ekzemplo de altnivela, humanisma, socia kunvivado de homoj, laŭ inspiroj de Zamenhof mem. Ĉi ĉion ni klopodu realigi en nia MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ esperantistaj.

*Eugène de ZILAH*

---

**SOLVO DE "KVE-12"**

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | S | A | R | D | A | N | A | P | A | L |
| 2 | E | L | I | E | Z | E | R | | N | A |
| 3 | B | U | N | G | A | R | | P | E | C |
| 4 | A | V | A | N | | V | A | R | T | E |
| 5 | S | I | N | E | K | U | R | O | | D |
| 6 | T | O | T | | I | R | O | N | I | E |
| 7 | O | | O | K | R | | M | E | | M |
| 8 | P | O | | | A | Z | A | L | E | O |
| 9 | O | P | R | E | S | | T | A | R | N |
| 10 | L | A | K | T | U | K | A | R | I | O |

SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO "**ŜPB-12**"
1. pB7 x kA8 (ĉ) ...rH1 x ĉG2.
2. ĉA8 - B6 ... laŭvole.
3. pA7 - A8 (d aŭ k), mato.

**GRATULOJN AL LA SOLVINTOJ DE LA KRUCVORTENIGMO "KVE-12"**

**s-ino Anne -Marie Maillot (F)**
**d-ro Guido Holz (D)**
**s-ro Mogens Rude Andersen (DK)**



# LETEROJ



*Karolo Pič, (CS)*

*Kun danko mi ricevis la 11-an n-ron de LA GAZETO. Kaj kun agrabla surpriziĝo mi ĝuis altan literaturan kaj idean nivelon. Ravis min ne nur la „leterkesto" kaj aliaj regulaj rubrikoj, sed ekzemple eĉ Intervjuo pri Privat (de Claude Gacond), Ĉu ni estas blindaj (de Kris Long), ktp.*
*Plej multe tamen min impresis „Kiu estas neŭtrala?" (de Eugène de Zilah). Kaj la du lastaj alineoj de tiu eseo eĉ rekte entuziasmigis min. Malpli da pacparoloj, kaj pli da „neŭtraleco"! Jes! Ĉar paco estas fakte neebla sen la universaligo de la liberoj, pri kiuj oni parolas tie. Ja **sen** tiuj liberoj ĉia „pacpropagando" estas nur ordinara milittrompo de eternaj agresoroj!*
*Ĉiuj artikoloj de ĉi tiu n-ro de LA GAZETO min distris kaj instruis. La redaktora artikolo min krome eĉ konsolis!*
*Do **duoblan** dankon!*

**LG :** Ne nur nia ĝoja vantemo publikigas vian leteron. Normale ni ne eluzas lokon en LG por meti leterojn, kiuj nur laŭdas nin. Sed kiam letero de fama Esperanto-verkisto elstarigas niajn tutkorajn klopodojn, kiujn plej ofte eĉ niaj plej proksimaj amikoj ne komprenas, ni ne rajtas tromodesti, kaj ni varme dankesprimas.

---

*Roland Schnell, (D)*

*Estas mirinda : Mi intencis verki kritikan tekston pri AIS kaj pri eventualaj eraraj evoluoj. Sed kiam ĝi aperis en presita formo en LA GAZETO mi konstatis ke ĝi malpli kritikis profesoron Frank, ol la cetera Esperanto-movado. Mi sendis kopion al Frank kaj li estis grandparte kontenta kaj nur atentigis pri detalaj eraroj.*
*Sed okazis eta fuŝo, eble en mia manuskripto. Mi intencis komenci per la frazo, ke la aktiveco de Frank estas „ne komprenebla" por multaj homoj. En LA GAZETO estas skribita „ne komparebla". Tion mi ne celis - sed ankaŭ pravas. Ne ekzistas alia persono kiu investis tiom da energio kaj eluzas sian reputacion.*
*Do estis fuŝo, kiu helpis malkovri pli ampleksan veron.*

**LG :** Vi ja skribis en via artikolo „**ne komprenebla**", ni ja erare presigis „ne komparebla". Ni devas pardonpeti, eĉ se nia eraro estis finrezulte fruktodona.

---

*R. Helmke, (D)*

*...Kial **tia** prezaltigo?? Ĉu vi vere kredas, ke vi povas fari tion **sen la motivigo**? En tia tikla momento? ...*

**LG :** Fakte la motivigo estis sur la unua paĝo de LG 11 : „DE NUN VIA GAZETO APEROS KUN 32 PAĜOJ KAJ PLI GRANDAJ, PLI LEGEBLAJ LITEROJ." Ni devis pliampleksigi la periodaĵon pro 2 kialoj :
1. La publikinda materialo tiom pliampleksiĝis, ke ni devintus rifuzi tro da valoraj kontribuaĵoj en nia 24-paĝa LG.
2. La 24-paĝa LG estis ĉe la tariflimoj poŝtaj je 50 gramoj. Ĉi tio malpermesis ajnan reklaman aldonaĵon kaj osan progreson ampleksigan.
La pligrandigo de literoj apenaŭ okupas unu el la sep aldonitaj paĝoj. Do la enhavo pligrandiĝis je 29%, sen paroli pri la nekalkulebla pligrandiĝo de legebleco, kiun jam de longe postuladis niaj oldokulaj legantoj. Bedaŭrinde pro ĉi ĉio la presokostoj altiĝis de po 5064 Fs ĝis po 6990 Fs, (kun pli da fotoj) do je 39%; la sendokostoj de po 2.50 Fs (tarifo por poŝtaĵo malpli ol 50-grama) ĝis 3.70 Fs (tarifo inter 50 kaj 100 gramoj), do je 48%. La aliaj elspezoj ne tro altiĝis.
Temas pri la pluvivo de LG. Eĉ kun la nuna altiĝo de abonprezoj, je 38%, LG estas deficita kaj ĝi transvivos sian 3an jaron, 18an numeron, nur se la abonantaro draste kreskos.

Se ne, ni forlasos la scenejon ĝojigante la plej grandan, se ne la plej bonan, parton de la esperantistoj.

---

*Pluraj legantoj al EdZ :*

*..."Leginte vian raporton pri Graz mi estas tre deprimita... Nun eĉ malpaco en nia rondo"... "Mi bedaŭras la artikolon de EdZ. Specife, ĉar prof. Lapenna bezonas apogon, ne atakon."... "Mi legis la lastan numeron de LG kun iom da ĉagreno. Mi bedaŭras tiun konflikton, kiu aperas en la ĉefartikolo. Mi esperas, ke sereno denove regos."...*

**EdZ** : Estas mi, kiu bedaŭras, se mi malbone esprimiĝis. Pri kia atako temas? Prof. Lapenna eksiĝis, do ni ne povas havi praktikan konflikton. Mi aprobas la linion de "humaneca internaciismo", do ni ne povas teorie konflikti. ICNEM malfondiĝis, do nenia ebleco por malpaciĝi pri gvidado aŭ agado de neekzistaĵo. Estas kelkaj ideoj rilataj al Esperanto, kiuj ne estas, kaj neniam estis, komunaj inter prof. Lapenna kaj mi, sed mi neniam kaŝis ilin, kaj prof. Lapenna ĉiam montris sin tolerema al ĉi tio. Mi petas kredi, ke neniel mi volis ataki profesoron Lapenna, kaj mi prefere malaperos de la scenejo, anstataŭ malpacigi nian rondon. Sed ĉu ĝi ankoraŭ ekzistas? La satirgazetoj jam pafadas kontraŭ min per samaj ŝercoj, vulgareco kaj etanimeco, kiel kontraŭ profesoron Lapenna, kvazaŭ mi daŭrigus lian agadon. Tro da honoro! Mi sola estas nek inda nek ema! Aldone: tute ne kapabla! Do la senco de mia artikolo estis komprenigi al ĉiuj esperantistoj, kiuj samopinias kun ni, ke ili ne devas kredi, ke pludaŭros ia agado, laŭ la linio de humaneca internaciismo, se ili ne ekstreĉas siajn fortojn kaj ne kunlaboras aktive, per mono kaj ŝvito, almenaŭ al la konservado de nia lasta periodaĵo, LA GAZETO, kaj al la sukcesigo de la Internaciaj Esperanto-Konferencoj. Defendinte ĉi tiujn du bastionojn, ni eble pluvivos, kaj komune ekagos, se ni havos fidon sufiĉe fortan por labori sen direktado de la elstara ĉefo. Ne estas atako kontraŭ profesoron Lapenna diri, ke tia kia li, ekzistas nur unu.




***Prof. d-ro Ivo Lapenna (GB),***

*Estas ŝoke, ke Prof. Régulo insistas pri mia kvazaŭa "eksigo" el la ofico de prezidanto de UEA en 1974 ("La Gazeto", n-ro 12, p. 9). Mi eksiĝis el ĉiuj funkcioj en UEA kaj rezignis pri la Honora Membreco tuj post kiam estis anoncita la elekto de 13 komitatanoj C, ĉiuj kandidatoj de la Orienteŭropa Bloko en la komitato de UEA, kaj* ***tute ne estis kandidato al la prezidanteco.*** *Kiel povis okazi, ke min, kiu ne estis kandidato, "oni ne reelektis kiel prezidanton", Prof. Régulo provas klarigi per nesinceraj elturniĝoj. La eksiĝo ne havas ian "biografian, jure signifan nuancon" el mia vidpunkto, kiel ŝoke li reasertas, sed estas principe grava afero. Ke al Orienteŭropa Bloko aliĝis kelkaj ambiciaj kaj enviaj okcidentaj komitatanoj, estas detale prezentite en „Hamburgo en Retrospektivo" kaj ne necesas ripeti tion. Ankaŭ ne necesas ripeti, ke en la fino de la kunsidoj,* ***post*** *la manipulita elekto de la nova estraro de UEA, du reprezentantoj de la Komitato petegis min akcepti Honoran Prezidantecon, sed mi, kompreneble, rifuzis.*

*Ĉion-ĉi* ***bonege*** *scias Prof. Régulo, ĉar li ĉeestis. Tial liaj asertoj estas ŝokaj, sed ne surprizaj por mi, ĉar ili konfirmas mian konvinkon, ke Prof. Régulo ne majstras tre bone politikan sciencon. Alie ne povus okazi, ke li, kiu rigardas sin granda humanisto, kaj kiu estas longjara membro de SAT, aŭdigus eĉ ne unu solan vorton de protesto pro la malpermeso al tiu organizaĵo kongresi en Pollando kaj pro la politika puĉo en Pola Esperanto-Asocio, sed kuris al Varsovio por akcepti diversajn honorigojn.*



3-a INTERNACIA FORUMO DE MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ ESPERANTISTAJ EN GRAZ, 23JUL1987

La forumon prezidis s-ro Günther Becker el SEL. La forumo decidis voĉdonigi la MFKA-grupojn pri jenaj decidoj :

1. Forigo de la sekvaj tekstoj el la "Principaro": "..., nome la persekutadoj de Esperantistoj en Hitlera Germanio kaj Stalina Sovetio, la politikaj puĉoj en Universala Esperanto-Asocio en 1974a kaj en Pola Esperanto-Asocio en 1985a..." (el § 1.06)
"... §1.07: Dum sia 10a Internacia Konferenco, la Internacia Centro de Neŭtrala Esperanto-Movado rekonis la neceson de ekapero de MFKA, aprobis ĝiajn bazajn principojn kaj decidis starigi ĝin, kiel nepedendan federacion, sub la aŭspicioj."

1a. Forigoj kaj ŝanĝoj de la jenaj tekstoj en la "Difinoj kaj reguloj..." :
§2.01: anstataŭ "baza grupo" legu "Esperanto-grupo";
§2.02.02. "MFKA interrilatigas bazajn, fakajn kaj etnajn grupojn" (aldonaĵo: "kaj etnajn")
§2.03: anstataŭ "Internacia Forumo (IF) estas kunveno de esperantismaj aktivuloj aliĝintaj al IF".
§2.04.02: anstataŭ "...nedeklaritaj..." legu ..."faktaj (sen jura personeco)"...
§2.04.03: forigo de ..."kun aprobo de la plenumkomitato de ICNEM".
Voĉdonado : P=27, K=0, Sd=3

2. Transpreno, pro ĉesado de ICNEM, de la organizado de la Internaciaj Konferencoj sub nova nomo "Internacia Esperanto-Konferenco" sekvota de la ĉifro de okazo-jaro. La "INTERNACIA ESPERANTO - KONFERENCO 1988" okazos en Metz (Francio).
Voĉdonado: P=39, K=0, Sd=4

3. Akceptado de 3 novaj grupoj:
– Esperanto-Asocio pri Historio (EAH), faka asocio.
– Asocio de Plurkulturaj Esperantistoj (APE), solidareca asocio.
– Grupo de Helsinki, baza grupo
Voĉdonado : unuanime

**Konsiloj al la MFKA-grupoj :**

La 3a IF de MFKA konsilas al siaj grupoj:
1. Partopreni en la venonta IF de MFKA dum la venonta IEK-1988 en Metz, Francio, 30JUL-6AŬG1988.
Voĉdonado : unuanime
2. Pristudadi kaj pridiskuti la "MANIFESTO LITERATURA 87"-on, prezentitan de la Sarlanda Esperanto-Ligo.
Voĉdonado : P=5, K=1, Sd=17

---

ESPERANTO-ASOCIO PRI HISTORIO

kunvenis kun la fondintaj membroj dum la Graza JEK. Ili eldiskutis la statuton de la asocio kaj elektis la unuan komitaton. Rimarkindas la 9a paragrafo de la statuto : „La estraro de EAH estas kvinmembra komitato, decidante demokrate per simpla plimulto. La komitatanoj disdonas inter ili la farendajn taskojn." Fakte, la opa estrado de asocioj ŝajnas pli proksima al la realo de Esperantio, kie troviĝas tro da prezidantoj, sekretarioj... kaj ne sufiĉe da laboremaj homoj. EAH ankoraŭ ne havas propran revuon dediĉitan al historiologio, ĉar ĝi ankoraŭ ne havas sufiĉe da membroj, sed ĝi jam dissendis al la membraro la unuan bultenon entenantan la statuton kaj ĝi uzos sian rajton de asocio de MFKA, por aperigi siajn publikaĵojn logiajn (= homsciencajn) en la MFKa-paĝoj de LA GAZETO, se tiuj prihistoriaj laboraĵoj havas ĝeneralan intereson. Se okazus akumuliĝo de tro da eseoj tre fakaj, interesaj nur por historiistoj, speciala bulteno estos publikigita, se la monrimedoj, do la membrokotizoj kolektitaj, tion permesos. Videblas, ke kiel ĉiuj aliaj asocioj, EAH povas funkciadi nur se ĝi havas sufiĉe da membroj. Ne hezitu, se vi estas amatoro, aliĝi! Petu la statuton! la nuna aliĝkotizo jara estas 5 ekuoj (bv. vidi EKU-KURZO-n). La adreso de EAH :

Esperantista Asocio pri Historio
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ (Francio)

# NI RIDETU





Bernard Aunis

PENSOJ

Niatempe la metra sistemo estus tre malfacile adoptebla; tiuj samaj uloj, kiuj oponas al la Esperantistoj, kriadus, ke ĝi estas kontraŭnatura, dum estas laŭnature kalkuli per coloj, futoj, ulnoj, pindoj, uncoj ktp.

Iafoje, mi havas impreson, ke la mondo estas grandega frenezulejo, en kiu kelke da sanmensuloj miradas esti enfermitaj.

„Se Dio ne ekzistas, ĉio estas permesita" diris Dostojevski. En Sovetio tamen, kvankam oficiale Dio ne ekzistas, la loĝantaro rajtas fari tre malmulte da aferoj.

Iu s-ro Barret klarigis iam antaŭ francaj edukitoj, ke la angla lingvo estas jam la internacia, komprenata ĉie de ĉiuj edukitoj. Sed tion li preferis diri franclingve.



SCIINDAĴOJ

Mi demandis novan eminentulon de PEA, kial oni malpermesis al SAT kongresi en Pollando. Mi ĵus ricevis lian respondon :
„Ĉar en lando, kie·la loĝantoj tiel malsatas, ke ili estas regataj de Dieto, la veno de SAT-uloj estus provoko."

Promenante en tombejo, mi ekvidis epitafon skribitan en Esperanto :

Atisto kuŝas tie ĉi :
Pro sia stranga teori'
Li volis iri ĝis Brazilo
En riparata veturilo.

En lasta numero de **La Kancerkliniko** la fotoj kaj desegnaĵoj estas eĉ pli malĉastaj ol kutime : tio kompensas, ĉar la tekstoj estas aparte dormigaj kaj estas necese reade veki la leganton.

Tie, oni trovas tamen interesan recenzon pri la **Antologio de la Maltaj Poetoj**. Maltaj, sed ne malaltaj.

## LA DEKERARA TEKSTO

Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de KALOCSAY. Ĉu vi kapablas retrovi ilin? En ĉi tiu sama n-ro de LG vi trovos la esperseble senerarigitan tekston, kiun ni prenis el la libro "INFERO" de Dante, tradukita de Kalocsay.

*Florenco, laŭ la tradicio fondis Julio Cezaro, detruinte la pramalnovan etruskan urbon Fiesole, iam bivakurbon de Sulla kaj Catilina, kaj konstruiĝante en ŝia proksimo la urbon Florentina, kiu, en ĉi-tiu belega velo, vere estis inta al la nomo Florurbo. La praloĝantaro de la nova urbo konsistigis parte de romanoj, parte de eksfiesolanoj. Laŭ la kroniko de Villani, en ĉi tiu miksaĵo oni devas serĉi la kaŭzon de la senĉesaj partikvereloj, kiuj karakterizas la historion de la urbo.*



# KIEN NI IROS

## INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO 1988

Serena rivero, intimaj placetoj, mallarĝaj stratoj, malnovaj domoj burĝaj, rava muzeo bazita sur palaco galla-romia, gotikaj preĝejoj superitaj de impresiga katedralo, imponaj monumentoj elvokantaj la militrolon tra la pasintaj jarcentoj... jen **Metz**, ĉefurbo de Loreno, arta kaj historia urbo de Orienta Francio, kadro de la INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO 1988.



La konferenco okazos **de la 30a de julio ĝis la 6a de aŭgusto**, tuj post la UEK en Roterdamo.

- Konferenca temo, **Internacia kaj Naciaj Kulturoj sojle de la 2a jarcento de Esperanto**, pritraktota de elstaraj prelegantoj : prof. Ivo Lapenna, Evaldo Pauli, Giorgio Silfer, Tyburcjusz Tyblewski, Walter Zelazny, Eugène de Zilah...
- Du kursoj : por komencantoj kaj konversacia kurso.
- Kunvenoj de kulturaj asocioj: filozofoj (FAT), historiistoj, ... kaj forumo de M.F.K.A.
- Kroma programo por junuloj.
- Distra programo por ĉiuj.
- Bankedo por frandemuloj kaj tutnokta balo por kuraĝuloj.
- Postkonferenca aranĝo : **„Tri tagoj en Parizo"**.

Vi estos prizorgita de la junuloj de la Esperanto-Klubo de Metz, entuziasmaj kaj efikaj : vi estos ĉarmita de la kongresejo, dekokjarcenta domaro ĉirkaŭ kvieta korto, taŭga por revi, mediti, debati, kafumi; vi estos ravita de la loĝado apud la urbocentro, tre komforta en hotelo aŭ tre malmultekosta en gastdomo, ambaŭ en trankvilaj kvartaloj.

**Rabatoj** por orienteŭropanoj, rifuĝintoj, junuloj kaj karavanoj de minimume 10 personoj.
I N F O R M U  V I N  Ĉ E : Madeleine de Zilah, 39 rue Joseph Hénot, F-57070 Metz (Francio).

---

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA,** adreso: Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svisio). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj kaj svisa perfekteco de komforto.

- Esperanto-staĝoj por komencantoj kaj progresantoj : 21-26DEC87, 25-30JAN88, 15-20FEB88.
- 26DEC87 - 03JAN88 : VINTRO FERIADO; promen-skiado, prelegoj pri la temo „ekologio de la grundo" fare de Markus Beckmann, lingvo-perfektiĝo.
- 15-20FEB88 : MODERNAJ PENSULOJ INTER ORIENTO KAJ OKCIDENTO, 2a Seminario pri la PENSMANIEROJ OKCIDENTA KAJ ORIENTA. Lekcios Eugène de Zilah, filozofo.

Prezoj de semajna aranĝo : 360 CHs (207 ekuoj) en kvarlita ĉambro, 390 CHs (224 ekuoj) en dulita ĉambro, 450 CHs (258 ekuoj) en unulita ĉambro.





# LA KAŜITA VIVO DE ZAMENHOF KAJ DAŬRA JUDOFOBIO



Mi volas esprimi mian koran dankon al la redakcio de LG pri la publikigo de interesega artikolo de Walter Zelazny pri „La kaŝita vivo de Zamenhof". Mi sukcesis havigi al mi la libron de N.Z. Maimon kaj avide tralegis ĝin. Jes, ankaŭ por mi ĝi estas vera revelacio. Mi ekkonis tie nekonatajn faktojn pri Zamenhof, tute nekonatajn aspirojn kaj agadojn, tiom longe kaŝitajn de esperantistaro... kaj ve! kaŝitajn ĝis nun. Ja, ekzemple, ĝis nun

EN SOVETIO ONI NE KURAĜAS PAROLI PRI JUDECO DE ZAMENHOF,

nenia biografio aludas pri cionisma periodo de lia vivo, Hilelismo ktp. En la 80-aj jaroj la judeco de Zamenhof estas daŭre zorge kaŝata. La enciklopedioj parolas pri „Varsovia kuracisto". Kaj la lernolibroj? En „Jazik Esperanto", aŭtoro M.I. Isajev /eldonejo Nauka, Moskvo 1983/ ni legas en la ruslingva enkonduko : „Esperanto estas internacia helplingvo konstruita fare de pola kuracisto Lazar Markoviĉ Zamenhof...". En la plej laste eldonita lernolibro de Z.V. Semjonova kaj M.I. Isajev „Lernolibro de Esperanto" /eldonejo Nauka, Moskvo 1984/ ni denove legas en la enkonduko : „La lingvo Esperanto estas kreita fare de eminenta reprezentanto de la pola progresema inteligencio, kuracisto-okulisto Lazar (Ludoviko) Markoviĉ Zamenhof" /p. 5/. Ĉu, eble, M. Isajev, prezidanto de Asocio de sovetiaj esperantistoj (ASE), ne scias pri judeco de Zamenhof? Tutcerte li scias. Sed en Sovet-Unio de 80-aj jaroj la judofobio estas same granda kiel en Eŭropo antaŭ la dua mondmilito, kaj multaj judoj en Sovet-Unio daŭre kaŝas sian judecon por sin defendi kaj profesie sukcesi. Do, oni ne povas fari el Zamenhof ruson (estus tro videble!), tial oni prefere poligas lin.

**ĈU NUR LA SOVETIAJ ESPERANTISTOJ KAŜAS LA VERON?**

En la supre menciita lernolibro de Semjonova kaj Isajev estas publikigita artikolo de Nikola Aleksiev „Sincera humanisto kaj pacamanto" (p. 184-86). Ĝi komenciĝas jene : „La tuta konscia vivo kaj agado de d-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof apartenas al la rusa kaj pola kulturoj". Do, eĉ ne al la esperanta! Strangege sonas ĉi tiu aserto. Ke la rusa kaj pola kulturoj (ĉefe literaturoj) ludis signifan rolon en la formiĝo de juna Zamenhof estas evidenta. Sed ĉu Zamenhof elpaŝis en ili kiel aganto aŭ kiel kreanto? Kiel originala rusa aŭ pola poeto (verkisto)? Aŭ kiel literatura kritikisto? Aŭ kiel membro de iu signifa rusa aŭ pola literatura grupo? Vere, la deziro alproprigi ĉion valoran al la rusa kulturo estas senlima! Kiel bone montras Maimon en sia libro, Zamenhof dediĉis siajn tutajn fortojn al la juda (gramatiko de jida lingvo, kunlaboro en

judaj – pro la cirkonstancoj ruslingvaj-ĵurnaloj, aktivado en Ĥibat-Cion ktp.) kaj al la Esperanta kulturoj. La artikolo de k-do Aleksiev estas tre tendenca, sovetisme ŝablona.
Krome - tre rimarkebla fakto (kaj la sovetiaj aŭtoroj, kaj iliaj bulgaraj kolegoj estas ege singardemaj rilate epitetojn) ili neniam uzos la vortojn : "genia", "talenta". La plej alta epiteto ĉe ili estas : "eminenta", "elstara" aŭ tute sen epiteto. Ja - tutcerte - ĉu la homo „ne kompreninta klasbatalon" kaj ne iĝinta marksisto povas esti "genia"?! „Malgraŭ ke Zamenhof ne staras proksime al la ideologio de l'revolucia proletaro en Pollando kaj Rusio, li estas plena de simpatio al la laboristoj. „Kompreneble, neniu burĝa diplomato eĉ pensis labori pri konstruo de daŭra paco post la finiĝo de la Unua Mondmilito" – per similaj "revelacioj" plenas la artikolo de Nikola Aleksiev. Eble, ankaŭ la honora prezidanto de MEM (Mondpaca Esperantista Movado) ne aŭdis pri la libro de N. Maimon? En Bulgario tio tute eblas. Sed ĉu li neniam legis leterojn de Zamenhof? Se k-do Aleksiev kredas mem al tio kion li diras : „Fine la venko de la revolucio en Rusio ĉesigas tiun ĉi malhonoran fenomenon (t.e. la incitadon de diversaj nacigrupoj al furioza nacia malamo – Enko) kaj el la ideo pri frateco inter popoloj faras sian praktikan politikon **fidele sekvatan** de la soveta registaro ankaŭ nun" (p. 184) - kial do li kaj liaj sovetiaj kolegoj timas eĉ indiki judecon de Zamenhof en ĉi tiu „lando de frateco kaj egalrajteco"?!

AL KIU APARTENAS ZAMENHOF?

En „La kaŝita vivo de Zamenhof" N. Maimon analizas tri partiojn, diskutantajn pri la demando : al kiu apartenas Zamenhof? Temas pri poloj, litovoj kaj judoj. La aŭtoro forgesas pri rusoj. Kiel mi jam diris, fari el Zamenhof ruson ne estas ebla. Tamen ĉiam eblas substreki la **ekskluzivan**, la **eksterordinaran** rolon de la rusa lingvo kaj la rusa kulturo en la formiĝo de Zamenhof... kaj de la Esperanta kulturo. Jen por ekzemplo libro de S.N. Kuznecov : „Osnovi interlingvistiki" /eldonejo Moskva Universitato P. Lumumba, Moskvo 1982/. Sur la paĝo 69, parolante pri estiĝo de la Esperanta literaturo, la aŭtoro diras jenon : „Jam en la Unua Libro de Zamenhof estis donitaj ekzemploj de beletraj tradukoj kaj originalaj tekstoj, inter ili ankaŭ versaĵoj en Esperanto. En la 1888-a jaro la pola esperantisto A. Grabowski tradukis en Esperanton „La neĝan blovadon" de Puŝkin, kaj jaron poste E. de Wahl publikigis tradukon de „La Princino Mary" de Lermontov. Per ĉi-tiuj verkoj komenciĝis la Esperanta literaturo" (traduko mia el la rusa Enko). Do, nek tradukoj el la Biblio (la unuaj!), nek Goethe (samtempaj kun tiu de Puŝkin), nek Mickiewicz, nek Heine... menciindas! Rimarku tamen, kara leganto, ke la libro estas destinita por internacia studentaro de la Universitato Lumumba.

Mi pensis ke ne estis pliaj rivaloj. Sed lastatempe mi malkovris ankoraŭ unu "partieton". En la trivoluma „Ukraina Soveta Enciklopedia Vortaro" en la volumo I (1966) ĉe la indiko „Zamenhof" mi tralegis : „Zamenhof Ludoviko (Lazar Markoviĉ) - kreinto de artefarita internacia lingvo Esperanto, pola kuracisto. En 1887-97aj jaroj loĝis en Ukrainio. Eldonis Esperante kelkajn librojn". (p. 747). Mi ne scias kie fontis ĉi tiu fantaziaĵo pri deklara loĝado de Zamenhof en Ukrainio. Estas konata fakto ke en la 1890-a jaro Zamenhof sensukcese provis establiĝi en la ukraina urbo Ĥerson; la vojo de Varsovio al Ĥerson trapasas grandan parton de Ukrainio do, la aŭtoro de Esperanto vojaĝis tra Ukrainio. Tamen ĉi tiu kurta epizodo de Zamenhofa vivo restas tute nekonata.

## SLAVOJ, JUDOJ, LITOVOJ... KOMPLIKEGA SITUACIO EN LA RUSIA IMPERIO

Se mi tamen dezirus trovi ion kritikendan en la libro de Maimon, mi dirus : por mi, ukraina esperantisto, estas tre dolore ke Ukrainio (en la libro - Ukraino) aperas en la libro **nur** kiel „suda parto de Rusujo, Ukraino, la klasika tereno de judaj persekutoj" (p. 87). Mi kredas je honesteco de Maimon. Mi nur volas diri : estas ege malfacile, preskaŭ neeble, esti centprocente objektiva, parolante pri sia gento, kiun oni tutkore amas. Ke Maimon amegas sian popolon kaj suferas pro ĝia sorto - tio senteblas en la tuta libro. Tamen se oni volas esti vere objektiva kaj kiel eble plej honesta - oni devas agnoski kruelan fakton ke ankaŭ inter viaj samgentanoj troviĝis kaj daŭre troviĝas diversspecaj fiuloj, ke via popolo ne nur suferis, sed ankaŭ - ĉi tiuj fiuloj - viaj samgentanoj - suferigis la aligentanojn. Ja ne ekzistas popoloj-sanktuloj kaj popoloj-krimuloj. Ĉiu havas siajn martirojn kaj siajn malbenitajn gefilojn. Nur havante similan pozicion eblas alproksimiĝi al la historia vero.

Mi ege bedaŭras ke sur paĝon 23a enŝovigis jena senbaza aserto : „La carista Rusujo estis vasta teritorio, kiu dum la lasta jarcento entenis la plej viglan kaj plej spiritan parton de la juda gento. Ili loĝis en la okcidentaj regionoj, meze de la slavaj popoloj, sed vivadis aparte : parolis alian lingvon, havis aliajn morojn, evoluigis alian kulturon, bazitan sur la leĝoj kaj reguloj de sia malnova religio. **Spirite ili superis la kristanajn najbarojn**, kiuj plejmulte estis ankoraŭ analfabetaj".

En la carista Rusujo de la 19-20-aj jarcentoj loĝis kvar slavaj popoloj; pola (okcidenta branĉo de la slava lingvofamilio) kaj rusoj, ukrainoj, belorusoj (la orienta branĉo de la slava lingvofamilio). Litova lingvo ne apartenas al la slava lingvofamilio, tamen estas ĝia plej proksima parenco. Kiu el la kvar slavaj popoloj estis analfabeta? Ĉiuj ili havis longegan kulturan tradicion, evoluitan literaturon (tamen kondiĉoj por evoluo estis tre diversaj!). En kio manifestiĝis la spirita supereco de la judaj intelektuloj kompare kun iliaj polaj, ukrainaj, rusaj kaj belorusaj samtempuloj?! Mi serĉis la respondon – mi ĝin ne trovis.

Laŭ mia opinio, la libro multe gajnus se ĝi pritraktus pli amplekse la komplikegan situacion en la Rusia imperio, la **malegalan statuson** de la kvar slavaj popoloj (ja kiam la rusa lingvo estis la ŝtatlingvo, la ukraina lingvo per cirkulero de ministro Valujev en la 1863-a jaro estis **oficiale malpermesita** kaj eĉ la nomo „ukraina" estis neuzenda - la malfeliĉa situacio de la ukraina lingvo videblas ankaŭ... en la **Fundamenta Krestomatio**! Ĝi entenas la tradukon de I. Lojko - „Malgrand'--rusa kanteto". **Malgrand'-rusa** estas nenio alia ol ukraina. Ĉar la nunaj rusoj nomiĝis Grandrusoj.)

En la paĝo 105 estas korektenda la evidenta eraro : „la rusoj estis grek-katolikoj". La rusoj estas nur ortodoksoj. La ukrainoj estas parte ortodoksoj, parte grek-katolikoj (en la Okcidenta Ukrainio).

Mi rekomendas al ĉiuj tralegi la bonegan verkon de N. Maimon.

**Enko**

# Kiu tradukus literaturon ...?

„Venas jam la tempo por ke nia literaturo estu recenzata kaj kritikata far samnaciano, kiu komprenas la originalan lingvon samkiel tradukinto, rigore komparu tekstojn kaj draste kritiku ; se ne, nia nivelo neniel plialtiĝos." (Sarkasme kaj Entuziasme, p. 101, Miyamoto Masao.)

Ne! Ne! Ne! Oponindas tiu aserto. Ne gravas, ĉu la tradukotaĵo parencos tiom strikte al la tradukitaĵo. La ĉefa kaj eĉ sola konsidero devas esti : ĉu efikas la nova verko? Ĉar tiele devas fariĝi la tradukaĵo! Eĉ se leganto ne konscias, ke la verko estas traduko, ĉu ĝi frapas, trafas lin?

Jam tro ofte mi legas tradukaĵojn, kiuj ambicias esti lingve ĝemelaj al siaj originalaĵoj. Kaj eble iugrade, tiurilate, ili sukcesas, tamen tute mankas la suko, la senco- kaj sento-transdonanta et - oso.

Inverse al la rekomendo de Miyamoto, unue devas legi la tradukon nekonanto de la originala lingvo. Kia estas la rezulto de tiu legado? Kian mesaĝon ĝi transdonas? Kian efikon ĝi produktas? Ĉar la tradukaĵo devas efiki kaj stari per si mem. Nova verko ĝi estas kaj devas esti.

La celo de la tradukanto estas rekrei la etoson, ne vort-post-vorte sed per pensoj kaj sentoj envortigitaj. Tiel tradukanto devas elpensi kaj encerbigi la kernon de la verko mem. Nur poste trakti ĝin laŭ sekcioj, ĉapitroj, alineoj, frazoj kaj vortoj. Asertinde tiuj vortoj ja unuopaj estos la malplej gravaj aferoj konsiderotaj, eĉ periferie.



*" ...la tradukaĵo devas efiki kaj stari per si mem."*

„Traduttore, traditore" diras italoj. „Tradukanto, perfidanto." Ĝuste tiel, se li ne sukcesas enanimigi al leganto la etoson kaj sencon de la verko. Malfacila tasko, sed farebla se oni ne timas uzi tiajn lingvon kaj esprimojn, kiuj pleje trafos la legontojn.

Masao Miyamoto plendas pri la malalta nivelo de nia literaturo. Ĝuste, do, li pravas. Tamen por plibonigi tion, li pledas, ke nur „profesiuloj" verku. „Aŭtoro devas esti profesia, /.../ devas vivteni sin per sia verkado." (p. 69) Amatoroj kaj diletantoj, ĉesu tian strebon!

Kial? – mi aldemandas. Kial? Oni devas konstati, ke profesiaj verkistoj en iu lingvo ne necese kapablas verki profesi-nivele en Esperanto aŭ en iu alia lingvo. Kiel estiĝas bonaj verkistoj se ili ne iel-iam komencas, kaj penas, repenas, penadas? Eĉ „profesiuloj" devas ekkomenci iel-iam. Ili ne naskiĝas kun lerta plumo enmana.

Nia lingvo, nia kulturo, nia -io estas ege juna kompare al aliaj. Ni ankoraŭ devas iradi laŭ longa, spertokolektanta vojo por atingi ian maturecon. Esperantistoj, aŭ Esperantanoj (eble Esperantuloj?) se tion preferus M., sentas, ke nia lingvo apartenas al ĉiuj. Kial do oni intencu forŝlosi ĉiajn eblecojn al bonvolemuloj, al entuziasmuloj, kiuj volas alstreĉi siajn kapablojn eblajn? Kompreneble oni alpumpas tunojn da fekaĵo pere de la presarto, eĉ en sanktan Esperantujon, tamen ĉu tio diferencas de tio, kio okazas en aliaj literaturoj? Neeviteblas. Mi certas, ke eĉ en Japanio oni devas travadi sufiĉon da legeblaj rubaĵoj ĝis trovi ion valoran.

La presprocezo fariĝas beno aŭ malbeno laŭ niaj volo, intenco, kaj kaprico. Tamen bonvole ne konsilu, ke iu ajn ne rajtas aŭ ne devas strebadi. Cetere, dioj savu nin de nuraj „profesiuloj".

Eble mi tiel argumentas por pravigi miajn proprajn penadojn subecajn, sed mi ankaŭ opinias, ke

Kiu timas erari
povas nenion elfari.

Mi sekve kuraĝigas ĉiujn alpreni plumon por pli ekzerci nian lingvon. Ja, des pli multe, ju pli bone! Ekverku! Ekeraru! Ĉiuj! Espereble la prilingvajn ĉifaĵojn ni eventuale forglados (sed ĉu tio ĉi eblas? aŭ eĉ dezirindas?! – Diable! Jen, alia pensindaĵo!).

Mi hastas aldoni, ke „Sarkasme kaj Entuziasme" ilumine pensigis min, kaj enhavas visceron tian, bezonata por plialtigi, samtempe pliprofundigi, kulturon Esperantan. Dankon, S-ro Miyamoto, pro via maltimema, dediĉoplena verko. (Diable! Tia konstato postulemas recenzon. Ĉu mi aŭdacas?!)

*K. Jakobo*

# LA VERAJ MALAMIKOJ DE ESPERANTO

Efektive, estas kurioze konstati kiom kaj kiel divers-loke la Movado reagas al la Literatura Manifesto '87. Dum aliaj revuoj (kun la escepto de SENNACIULO kaj la itala ESPERANTO) provas sufoki la aferon, LA GAZETO apertis siajn kolumnojn por diskuto. Mi tute ne deziras komenti la diversajn kontribuojn (al ĉiu besto plaĉas ĝia nesto), ĉar tio kaŭzus ĉen-serion ĝis la sankta neniamo, sed tuŝi nur du punktojn :

1) Pluraj personoj volis kredigi, ke la Manifesto estas io „anonima". Efektive, ĝin komune vortumis pluraj aŭtoroj ĉirkaŭ la eldonejo Artur E. Iltis, sed ĝin aprobas per sia subskribo ĉiam pli granda nombro da personoj. Jen la aktuala (1987-11-04) listo : Christian R.A. DECLERCK, Frans Van DOOREN, Mariana EVLOGIEVA, Arnoldo AGUIZA, Andrés RODRIGUEZ, Claude GACOND, Henri VATRE, Jana CICHOWA, Jiři KAREN, Vêra ONESORKOVA, Karolo PIĈ, Josef RUMLER, Eli URBANOVA, Günther BECKER, Adolf BURKHARDT, Josef DÖRR, Edith DUTTLINGER, Otto



*Reinhard Haupenthal*

DUTTLINGER, Bernhard EICHKORN, Heiner EICHNER, Albert FEHR, Günter FEIS, Emil FEIST, Esther HAUPENTHAL, Irmtraud HAUPENTHAL, Reinhard HAUPENTHAL, Ute HOEPPNER, Heinz Dieter MAAS, Rudolf MARK, Richard REUCHLIN, Rolf H. RIEHM, Oliver WALZ, Wilhelm WIEGEL, Juan REGULO PEREZ, Bernard AUNIS, Norbert BARTHELMESS, Pascal DUBOURG-GLATIGNY, Heidrun JANTZEN, Bruno MASALA, Eugène de ZILAH, Madeleine de ZILAH, Ada CSISZAR, Luigi FRACCAROLI, Baldur RAGNARSSON, Mieko SAKUDA, Carmen MALLIA, Ed BORSBOOM, Wim DERKS, P.H. v. TERWISGA, Julia PIORO, Slawomir RUSZKIEWICZ, Gösta PERSSON, Uno RENQUIST, Vladimir A. GLAZUNOV, Elvira LIPPE, Duŝan ADNADJ, Fernando de DIEGO, Oscar de DIEGO.

2) Iuj asertis, ke la manifestantoj estas kontraŭuloj aŭ malamikoj de Esperanto pro ties „neologismemo".
Efektive, la plej granda „neologo" en la historio de Esperanto estis D-ro Zamenhof mem. Sed sendube neniu venus al la ideo nomi lin malamiko de Esperanto. Nek tiel oni nomas Grabowski, Kalocsay aŭ Waringhien, ĉiuj aŭtoroj aŭ uzantoj de t.n. neologismoj.
(Parenteze : mi persone ĉiam ĝojas, kiam mi rajtas lerni novan vorton, esprimon, parol-turnon kaj tiele povas larĝigi ne nur mian vort-trezoron, sed ankaŭ mian komprenon de la mondo.)

Persone mi pensas, ke la malamikojn de Esperanto konsistigas tute aliaj person-grupoj : ĉiuj teoriaj kaj praktikaj (t.e. agresemaj) kontraŭuloj de plan-lingvo (kaj ili estas ne nur la apertaj faŝistoj kaj rasistoj), sed ankaŭ du kategorioj de esperantistoj mem : la eternaj komencantoj kaj similaj lingvaj fuŝuloj, kies lingvo-scio restas sur nivelo ĉiam primitiva, kaj tiuj eĉ lingve perfektaj esperantistoj kiuj konscie rifuzas aŭ ignore preterlasas adopti la lingvon kiel lingvon familian, heredan, t.e. rifuzas al ĝi la plenan vivo-rajton kaj la egalecon kun la naturaj lingvoj.
En sia dua jar-cento la Esperanto-movado devos akiri klarecon pri tio, ĉu ĝi volas eterne rekruti ĉiam novajn komencantojn aŭ efektive transformiĝi en kulturan movadon.

***Reinhard HAUPENTHAL***

---

**HORIZONTALE:**

1 – Ĉefaĵ'. 2 – Mortlok' de Heraklo * Sporpokale. 3 – Antikvskandinava * Helena mitologia hero'. 4 – Velŝipo * Bildkarto. 5 – Oksigeno * Francia river' * Antikveco. 6 – Rodio * Rilata al brita monunuo * Fosforo. 7 – Norvega montaro * Monogramo de agregaĵ-aŭtoro * Finaĵo. 8 – Bradipa * Kaj aliaj * Sufikso. 9 – Nitrogeno * Malagasujo * Kiel malbela filo. 10 – Moderna scienc'.

**VERTIKALE:**

1 – Vortindeks'. 2 – Malnova kordinstrument' * Surpendigil' * Italio. 3 – Malofta metalo * Kio estis en komenco (R). 4 – Norvegio * Mordironie. 5 – Usona ŝtato * Rumanio. 6 – Kvalitgrupo * Nordo * Promenbaston'. 7 – Sicilio * Teatraĉe. 8 – Malnova islanda poemar' * Erupci' * Sufikso. 9 – Tantala filino * Daŭri. 10 – Afrika simi'.



Tri solvintoj ricevos premion se ilia solvo alvenos antaŭ 31JAN88.

# VOLAPUKO KIEL FONTO DE SLANGO EN ESPERANTO

## LA TRAJTOJ DE SLANGO

Du gravaj trajtoj karakterizas la nivelon de lingvouzo difinita per la termino slango. Unue, ĝia vortprovizo estiĝis ene de specifaj subkulturaj grupoj en la socio kiel metiistoj, studentoj, soldatoj, adoleskantoj, sportistoj, krimuloj, membroj de rasaj, religiaj kaj etnaj malplimultoj, k.s. Povas okazi, ke esprimoj originantaj el la parolmaniero de membroj de unu el la grupoj, disvastiĝas en aliajn sociajn tavolojn kaj sferojn kaj fariĝas pli ĝenerale uzataj. Due, fundamenta aspekto de la slango estas ĝia efemereco. Ofte ĝia vivdaŭro ne estas pli longa ol generacio de homoj, kiuj ekuzis siajn lingvajn kreaĵojn, kaj sekvaj generacioj anstataŭigas la elmodiĝintajn slangaĵojn per siaj propraj inventaĵoj. Tiuj vortoj, kiuj sukcesas enradikiĝi en lingvo, eniras la kategorion de familiara lingvouzo.



*Bernard Golden*

## LA BEZONO DE SLANGO EN ESPERANTO

Estas du argumentoj pravigantaj provojn kompili aŭ krei slangajn vortojn en Esperanto. Unue, beletristoj kaj tradukantoj insistas, ke Esperanto havu ĉiujn esprimeblojn de etnolingvoj por faciligi verkadon en diversaj ĝenroj kaj stiloj, kaj por ebligi fidelan tradukon de etnolingvaj literaturaĵoj, en kiuj slangaj esprimoj karakterizas la lingvouzon de kelkaj rolantoj, kontraste kun la normlingva parolado de aliaj. Due, homoj, kiuj daŭre uzas Esperanton kiel parolan lingvon en la ĉiutaga vivo, sentas sin handikapitaj, se ili ne trovas ekvivalentojn en Esperanto de la slangaj esprimoj, kiujn ili kutimas uzi en la gepatra lingvo. Kelkaj esperantistoj kaj esperantologoj jam montris interesiĝon pri tiu ĉi lingva problemo kaj faris provojn aldoni al Esperanto leksikan materialon uzeblan kiel slangon. Estas tri procedoj: /1/ krei slangajn esprimojn en tute apriora maniero per arbitra elekto de etimoj el diversaj fontoj sen konsidero de la funkcio de slango; /2/ traduki etnolingvajn slangaĵojn laŭvorte en Esperanton sen glosado por klarigi la signifojn; /3/ registri slangon laŭ la uzo de esperantistoj en la parola kaj skriba lingvo, kun indiko de fontoj.

## "GAVARO, LA VERDA SLANGO" (ĉ. 1975)

La plej ambicia apriora projekto venis el la plumo de Manuel Halvelik, kiu nomas ĝin „Gavaro, la Verda Slango"[1]. Ĝi konsistas el mikspoto da esperantigitaj vortoj el diversaj etnolingvoj. „Gavaro" mizere fiaskis, ĉar aŭtoroj de originalaj verkoj en Esperanto kaj ankaŭ la tradukantoj ignoris ĝin. La kialo estas, ke neniu kultura aŭ lingva rilato ekzistas inter la vortprovizo de "gavaro", slango en la respektivaj etnolingvoj uzataj kiel fonto kaj Esperanto. La leksikaj elementoj, kiujn la aŭtoro de tiu projekto volas uzi kiel slangon en Esperanto, estas tutsimple neologismaj sinonimoj de jam ekzistantaj Esperantaj vortoj, aŭ Esperantaj vortoj modifitaj morfologie aŭ semantike.

## GEEDZIĜO EN HODIAŬA MANIERO (1965) — la kontribuaĵo de Kalocsay

En sia esperantigo de hungara novelo titolita „Geedziĝo en hodiaŭa maniero"[2], Kolomano

Kalocsay tradukis laŭvorte preskaŭ ĉiujn hungarajn slangajn esprimojn en la verko. La rezulto estas, ke ne nur la juna viro en la rakonto plurfoje protestas, ke li ne komprenas kion volas diri la amikino; ankaŭ esperantistoj, legante la Esperantan version de la samaj tekstoj, trovas ilian signifon nebula. Tiu tradukaĵo ja estis aŭdaca provo de Kalocsay trakti abundon de la slangaĵoj en la konversacio de juna virino, por kiuj ne ekzistas aŭtentaj Esperantaj ekvivalentoj. Ankoraŭfoje, la provo mistrafis, ĉar la hungaraj esprimoj, malgraŭ sia verda vesto, ne havis ŝancon enhejmiĝi en la Esperanta kulturmedio.

„ SLANGA VORTARO DE ESPERANTO " ( S V E ) – 1982

Kontraste al ĉi-supraj metodoj provizi Esperanton per slango estas la kompilado de slangaj esprimoj jam uzataj en esperantistaj medioj. Laŭ mia scio, la unua, kiu serioze dediĉis sin al tiu tasko estas Leif Gunnar Nordenstrom, kiu publikigis listojn da kelkdekoj da vortoj kaj esprimoj kune kun fontindikoj**3**. Mi aldonis al lia kolekto de materialo por eldonota „Slanga Vortaro de Esperanto" (SVE) detalajn pritraktojn de la slanga uzo en Esperanto de "bakfiŝo" kaj la radiko "ŝraŭb-"**4**. Bedaŭrinde, Nordenstrom ne daŭrigis tiun utilan kompiladon, do multe da laboro estas ankoraŭ farota, antaŭ ol estos eble publikigi eĉ provizoran eldonon de SVE.

Efektive, tiu metodo de registrado de vera Esperanta slango ne povos rezultigi ampleksan vortprovizon, ĉar la slang-kreantaj grupoj en la Esperanta lingvokomunumo ne estas tiel multenombraj kaj produktivaj kiel tiuj en etnaj socioj ekster Esperantujo. Zamenhof grandskale ĉerpis lingvan materialon por Esperanto el ekzistantaj etimoj en etnolingvoj, kaj estas necese fari la samon rilate la verdan slangon. En tiu ĉi eseo mi montros, kiel estas eble fari parton de tiu laboro per utiligo de etimoj de la planlingvo Volapuko.

PARIAJ MALPLIMULTOJ KAJ ETNOLINGVA SLANGO

Unu el la fontoj de slangaj esprimoj en etnolingvoj estas la lingvoj de pariaj sociaj grupoj – etnoj aŭ klasoj – kiuj formas malplimultojn kaj estas diskriminaciataj. Ĉar kelkfoje tiaj homoj okupiĝas pri eksterleĝaj aferoj, la influo de iliaj lingvoj estas spegulita en la t.n. ŝtelistaj lingvoj. Unu el tiaj lingvoj estas la hungara **jassznyelv** (huligan-lingvo), en kies vortprovizon eniris pluraj vortoj de la cigana kaj hebrea/jida lingvoj. Kelkaj el la esprimoj kaj vortoj poste enradikiĝis en la hungara slango. El cigana deveno estas la ofte uzataj **scaj** (virino, knabino), **dilis** (freneza) kaj **lòvé** (mono) apud la normlingvaj vortoj **nö / leàny, bolond** kaj **pénz** respektive. Kontribuaĵoj el la hebrea/jida estas **melò** (laboro), **hirig** (interbatado) kaj **szajré** (ŝtelitaĵo), kies ekvivalentoj en la normlingvo estas **munka, verés** kaj **lopott holmi** respektive.



MALPLIMULTOJ KAJ PARIOJ EN ESPERANTUJO

Ĉis nun esplor-rezultoj de la verda sociologo ne malkovris pariajn klasojn aŭ etnajn malplimultojn ene de la Esperanto-komunumo, kies lingvaj apartaĵoj enhavas materialon taŭgan por uzi kiel slangon en Esperanto. Du universale malestimataj grupoj ĉie rekoneblaj estas la eternaj komencantoj kaj krokodilantoj, sed ilia lingvouzo apenaŭ estas karakterizita per depruntindaj sukplenaj vortoj kaj parolturnoj. Estas necese serĉi pli malproksime de la

hodiaŭa Esperanto-komunumo por trovi grupon, kiu historie rilatas al la esperantistaro sed tamen staras ekster ĝi. Tia popolo estas volapukistoj!

## KVAR FAZOJ DE LA RILATOJ INTER VOLAPUKO KAJ ESPERANTO

Post la apero de la unua gramatiko de Volapuko en 1880, verkita de Johann Martin Schleyer, romkatolika pastro el Badenlando, Germanio, Zamenhof akiris bonan scion de tiu lingvo. Sekve de tio, la definitiva versio de Esperanto, kiu estis ellaborita inter 1881 kaj la publikigo de la „Unua Libro" en 1887, ricevis leksikajn influojn de Volapuko. Tio estis la unua fazo de la interrilato de la du lingvoj.

Volapuko funkciis kiel internacia lingvo dum pli-malpli unu jardeko. Kiam ĝia movado ekdekadencis, komenciĝis la dua fazo de la komuna historio de la lingvoj de Schleyer kaj Zamenhof.

La unuaj adeptoj de Volapuko faris pioniran laboron, trabatante la vojon por akcepto de la nocio de praktike uzebla internacia planlingvo. Post kiam ilia propra lingvo ne plu havis ŝancon esti agnoskita, tiuj volapukistoj, kiuj ne estis lojalaj al Schleyer, jen perdis intereson en la internacilingva demando, jen provis ellabori sian propran planlingvan projekton, jen apogis alian planlingvon. Tiuj, kiuj aliĝis al la Esperanto-movado, kontribuis al ĝia frua evoluo. Lastatempe volapukistoj ricevis trafan titolon : „paganaj prapatroj" de la esperantistaro.

La tria fazo de proksimiĝo de ambaŭ planlingvoj komenciĝis antaŭ nelonge, kiam esperantologoj kaj movadhistoriistoj dediĉis sin al dokumentado de la historio de la volapuka movado kaj konservado de materialo por estontecaj esploroj5.

Mi nu proponas, ke la Volapuko ludu gravan rolon en la kvara fazo de interrilatado kiel fonto de slango en Esperanto. Unue, volapukistoj certagrade estis malplimulto malestimata de esperantistoj, ĉar ties lingvo sukcese antaŭeniris, dum la postrestintaj volapukistoj kun ilia mortanta lingvo estis mokitaj kaj forpuŝitaj, same kiel ciganoj, judoj kaj aliaj etnaj kaj religiaj malplimultoj en fremdaj socioj. Due, kelkaj aspektoj de la vortfarado en Volapuko faras ĝin tre konvena por slanga uzo. Etnolingvaj etimoj estas draste kripligitaj pro la fonetikaj reguloj starigitaj de Schleyer, kaj la plej granda parto de la radikoj en Volapuko estas formitaj per redukto de etimoj al unu silabo, precipe per aferezo vortkomence kaj apokopo vortfine. Komparo kun slangaj vortoj en la usonangla lingvo prezentas kelkajn okulfrapajn pararelaĵojn.

## PROPONO POR LA VOLAPUK-DEVENAJ SLANGAJ VORTOJ EN ESPERANTO

En kolumno **A** troviĝas la vortoj en la usonangla studenta slango; la volapukaj vortoj sekvas en kolumno **B**; kaj en kolumno **C** estas la vortformoj proponitaj por Esperanta slango.

| **Signifo** | **A** | **B** | **C** |
|---|---|---|---|
| profesoro | prof | plof | plofo |
| ekzameno | exam | xam | ksamo |
| universitato | varsity | niver | nivero |

En Volapuko "akademio" havas la mallongigan formon **kadem**, kiu estas esperantigebla kiel "kademo". La volapuka vorto por "lernejo" estas **jul** (elp. ŝul); en Esperanta slango "ŝulo" havas paralelaĵon kun la samsignifa hungara familiara vorto **suli** (elp. ŝuli). La etimo de **jul** kaj **suli** estas la germana **Schule** (elp. ŝule).

Ankoraŭ unu interesa koincido estas **zab**, kiu en Volapuko kaj en la hungara lingvo signifas avenon. La hungara verbo **zabàlni**, signita kiel vulgara, estas la ekvivalento de **fressen** en la germana, **bouffer** en la franca kaj **gobble up** en la angla. Mi proponas por la slango de Esperanto /1/ la substantivon "zabo" respondantan al la angla **grub** kaj **chow** (manĝaĵo) kaj la germana **Frass** (fimanĝaĵo), /2/ la verbon "zabi" (manĝegi, manĝaĉi, vori, manĝi kiel besto) kaj /3/ la substantivon "zabulo" kun la signifo de la germana **Fressack**, la hungara **zabalò** kaj la angla **hog** kaj **pig** (manĝegulo, glutemulo, voremulo, manĝegemulo, manĝamulo).

Estas eble daŭrigi ĉi-specan trakribradon de la leksiko de Volapuko por trovi ankoraŭ plurajn

vortojn, kiuj povas servi kiel slangaĵoj en Esperanto, kaj etnolingvaj paralelaĵoj utilas por apogi la elekton.
Tamen, la decida demando estas jena : ĉu esperantistoj emas ekuzi ilin? Mi atendas la unuajn eksperimentojn.

*Bernard G O L D E N*

N O T O J :

1. Anonimulo. Defioj al la tradukarto : Dialekto, Slango. Heroldo de Esperanto. 1975 marto 18; 51 (4-5/1575-76):7.
BERNARD, Roger. Defioj al la tradukarto? Heroldo de Esperanto. 1975 majo 1; 51 (8/1579/): 4.
CHERPILLOD, Andre. Nekutimaj lingvofacetoj. II. Gavaro, la verda slango. Le Travailleur Espérantiste. 1981 majo; 61:7.
2. KOLOZSVARI GRANDPIERRE, Emil. Hàzassàg mai mòdra. 537-548 en Vàltozò felhözet. Vàlogatott novellàk. Budapest: Magveto Könyvikiadò: 1977. 676 pĝ.
Geedziĝo en hodiaŭa maniero. Tradukita de K. Kalocsay. Hungara Vivo. 1965; 5 (3) : 25-28. Represita: 213-222 en Paŝoj al Plena Posedo. Red. W. Auld. Bruxelles, Praha: Heroldo de Esperanto, Ĉeha Esperanto-Asocio; 1970, 293 pĝ.
3. NORDENSTROM, Leif Gunnar. Materialo por Slanga Vortaro de Esperanto I kaj II. Slanga vortaro aperos. ktp. 1982; 8 (35): 5-9 + kromfolio.
GOLDEN, Bernard. Komentoj pri Slanga Vortaro de Esperanto. ktp. 1982; 8 (36): 4-5. Kelkaj komentoj de la redaktoro: 5 kaj 7.
4. GOLDEN, Bernard. Bakfiŝo - kontribuaĵo por Slanga Vortaro de Esperanto (SVE). ktp. 1982; 8 (38): 4 kaj 3.
GOLDEN, Bernard. La figura kaj slanga uzo de la radiko ŝraŭb- en Esperanto. ktp. 1983; 9 (41): 6-7.
5. GOLDEN, Bernard. Conservation of the Heritage of Volapük. Aperonta en Language Problems and Language Planning.
GOLDEN, Bernard. Reviviĝo de la planlingvo Volapuko. Aperonta.

---

## INTERNACIECO DE ESPERANTO
de Ivo Lapenna en „El popola Ĉinio".

Eĉ nia majstro d-ro L.L. Zamenhof antaŭvidis pluan evoluon, ŝanĝiĝon, de sia Internacia Lingvo fare de ĝiaj parolantoj.
Nun temas pri „tro Eŭropaneca" karaktero de Esperanto fare de „vaste internaciiĝintaj grekaŭ latin-devenaj vortelementoj". Sendube temas pri la opinio de s-ino Ŭusing Nagata Akiko. Tiu ĉi tamen kontraŭas grek- kaj latin--devenajn vortelementojn nur se ili el japana vidpunkto estas laŭ ŝi, idiotismoj! La japana lingvo nepre estas grava lingvo, parolata de multaj milionoj da homoj. Ĉu d-ro Zamenhof konis kaj komprenis aŭ eĉ scipovis ĝin? Mi pensas ke ne!
Ne sufiĉas, kiam la prezidanto de la Akademio de Esperanto, s-ro Albault, asertas al mi, kiel li faris en Metz antaŭ kelkaj jaroj, ke la Akademio streĉe laboras, ĉar ĝi ĵuse deklaris „fil" kiel bonan Esperantan radikon!
Laŭ mi tamen, la rimarkoj de s-ino Ŭusing estas sufiĉe gravaj por ke la Akademio zorgplene pristudu la tutan aferon kune kun la proponinto mem kaj kelkaj japanaj eminentuloj, kaj pri la japana lingvistiko, kaj pri Esperanto, anstataŭ malaprobi ĝin nur per teoriaj, kvazaŭ fundamentaj argumentoj.
Traleginte la artikolon de André Albault en la Jubilea Numero de „Esperanto", ŝajnas al mi ke tio ĉi tipe estas problemo solvenda de la Akademio.
Kaj certe ne ĉiuj Akademianoj povas juĝi ĝin. Ĉefe oni bezonas la Japanojn por kapabli kritike pristudi la koncernan opinion de s-ino Ŭusing-Nagata kaj precipe la de ŝi nomataj „idiotismoj", kiujn ni prefere evitu.

***P.H. van TERWISGA***

## EKU-KURZO

*1 EKUO VALORIS JE 27 NOV 87*

| | | |
|---|---|---|
| 14.5 As | 139 Es | 8.01 Ns |
| 43.1 Bs | 7.02 Fs | 2.32 NLs |
| 1.63 CDNs | 0.689 GBs | 169 Ps |
| 1.70 CHs | 162 GRs | 7.31 Ss |
| 2.06 Ds | 1520 Is | 5.10 SFs |
| 7.96 DKs | 166 Js | 1.24 USAs |





# LA TROMBONOJ DE JERIKO



Rikardo Ŝulco : LA TROMBONOJ DE JERIKO.
La unuaj ses ĉapitroj de la Biblia libro pri Josuo en trokeo-kvaroj Esperante kaj en la Germana lingvo. Eldonita de Esperanto-Centro de Paderborn. 66 paĝoj. 14 desegnaĵoj de Ernesto Ŝomero. 2 paĝoj muziklini-araj kun muziko de Felicitino Kukuko. Prezo : 6.15 ekuoj (12.80 Ds).

La libreto belas, samkiel ĉiuj eldonaĵoj de EC--Paderborn, kaj la desegnaĵoj agrable fripon-igas la sanktan enhavon, ekzemple Ernesto Somero trifoje helpas nin imagi la grasan gracion de Raĥab. (Dio kaj la aŭtoro per-favore min pardonu, mi ne kapablas paroli pri "Raĥabino" sen tuj pensi al anino de ia gento, kies nomo estus Raĥabo; ja tiom da ili enas la Bibliajn librojn!). Eble ne ĉiuj konas la prec-izajn kondiĉojn de la disfalo de muroj de Jeriĥo. Ilin instruos la trokeo-kvaroj, certe pli digesteblaj ol la Bibliaj frazoj, de Rikardo Ŝulco. Ekzemple, la Zamenhofa Biblio-traduko jene tekstas :

*„Kaj Josuo, filo de Nun, sendis el Sitim du esplorrigardantojn sekrete, dirante: Iru, pri-rigardu la landon kaj Jeriĥon. Kaj ili iris, kaj venis en la domon de malĉastistino, kies nomo estas Raĥab, kaj ili dormis tie"* (Josuo, 2, 1)

kaj jene la Ŝulcaĵo :

*Virojn du Josuo sendis,*
*Ke la lando esploriĝu.*
*Ili venis Raĥabinon.*
*Tiu estis ... nu, vi scias*



Kondiĉe, ke vi vere sciu, ke ŝi estis putino. Alimaniere la fajna sugesto eble preterpasas vin. Eble vi eĉ ne scias kian utilon havas versigo de Bibliaj historioj. Nu, tiel oni ofte faras en naciaj literaturoj. Nur pensu pri Hugo, Babits, Milton kaj kelkaj aliaj kun nomoj malpli konataj, sed kun verkoj same ne-legataj! La celo estas projekcii la propran kulturan lumon sur fondo-mitojn. Sed aldonita noto de s-ino Kukuko sciigos vin pri aldona, aparta utileco de ĉi tiu versigo. Se vi ne estas bavaro apud-Rotenfelza vi neniel divenos ĝin: en la kastelkorto de Rotenfelzo oni dancadas longajn polonezojn kun muziko de ne malpli longaj baladoj, kaj Rikardo Ŝulco verse tra-vadis la ses unuajn librojn de Josuo por trafi ĉi tiun kastelkorton. Alivorte: "Josuo, su-per-stara". La verketo ne malhavas humuron, nek kelkajn trafajn psikologiajn mallongigojn de la sanktigita historio. Entute: ĉarma duon-horo kun Josuo kaj ties problemoj ludetante per Esperanto.

**E d Z**

## ŜAKPROBLEMO "ŜPB-13"




Situacio de la blankularo : rA1; tD1; kG2; kH6; pA2; pB3; pF2; pG4.
Situacio de la nigrularo : rE4; ĉF3; pB4; pB6; pE5.
La blankularo ekludas kaj matigas je la tria paŝo.




Giorgio Silfer : **DESISLAVA RIDETAS**
lirika poezio kaj satira prozo. 72 paĝoj. Eldonis : Kooperativo de Literatura Foiro. Prezo: 8.10 ekuoj (14 CHs).

La enigma titolo de la poemaro de Silfer sendas vin en la plej forajn angulojn de via interna muzeo por trovi la freskon de preĝejo de Bojana, en Bulgario, sur kiu ridetas (sed ĉu ŝi vere ridetas?) la edzino de Kalojan, reĝo de Bulgario inter 1197a kaj 1207a. Olda pentraĵo pri reĝa paro. Pri PARO! Se vi komprenis ĉi tion, vi trafis la ruĝan fadenon religantan la poemojn kaj poeziajn prozojn de la libreto. Desislava havas sur siaj lipoj la rideton de mistika ina saĝo, kiu

*ne estas moko,*
*ne estas indulgo*

sed la supereca afekto-fluo de patrino aŭ edzino kiu ekkonas la viron, dum li eksplikas la mondon. La virinoj rigardas nian libidon tra nia intelekto kaj ridetadas. Kaj ĉiuj vundoj, ĉiuj ĝojoj, ĉiuj konfliktoj elvenas de la kundancado de paro, en kiu ŝiajn paŝojn ne gvidadas la sama muziko, kiel liajn. La hominoj de Silfer estas patrin-diinoj aŭ amazonoj unumamaj. La inoj enutere portadas la morton de la viroj, kaj la poeto estas tiom sincera, malfermas tiom larĝe la pordojn de sia subkonscio, ke mi ektimas, ke lia Strindberga kuraĝo, kiu elskrapas la kruston de nekonsciaj furunkoj, senŝildigas lin antaŭ Parizanisma moka detruemo. Mi ektremas pensante pri malpuraj serĉoj, kiujn tiaj homoj (ĉu homoj?) elligos el siaj stomakosimilaj koroj. Restas esperi, ke ili nenion komprenos.

Ĉiuj komprenos tamen la internaciecon de la inspiro de Giorgio Silfer, kiu ampleksas la artan sentemon de heleno,

*Nuda vin skulptos artistoj*
*ĉar via animo ilin logos,*

la emon prikanti edzinon de hungaro,

*...nia amo kulisos banale*
*en la penso de malica publiko*
*Trubaduro*
*ripozu via kanto*
*kio vin logu post la deziro?*
*Bardo korteza*
*tuj cedu la fluton*
*al vagabondo sur pusto Bekeŝa*

*Per sia marŝo li skandu la versojn*
*en la soleco de plej vasta lando*
*aŭ tra la fumo de ĉardo gastama*
*ĉar al edzino*
*nur li*
*verkas rimon.*

la rigardon de pentristo okcident-eŭropa

*Plaĉus via korpo al Modigliani:*
*ĝi estas tiel suna*
*kiel damo de Goya estas nokta.*

la erotismon de nordulo,

*Mi scias ke la ŝelo ekputros*
*kaj la korpo jam kaŝas la morton.*

*Sed vere la pomo tro matura*
*havas parton plej gustan:*
*tian proponis Eva*
*kaj li frandis sian tragedion.*

kaj multajn alilokajn perspektivojn, kiujn nombri devigus nin elcitadi la tutan libron hermetikan kaj hermeneŭtikan.
Ne estus honeste diri, ke temas pri poezio facila, optimisma, pastroplaĉa. Sed certe pri poeto sincera kaj profunda, kiu ne rimadas en Esperanto por elprovi la lingvon, sed kiu ĝin uzas por ŝprucigi, el vera kazua fonto poezian kulturon nian.

E d Z




# Nobelpremio pri literaturo al Josif Brodski

Mi renkontis unuafoje la nomon de Josif Brodski en procesprotokolo en 1964. Sed iel pasis jardeko antaŭ ol mi serioze legis la poemojn. Kial? Ne ĉar libroj estis ne haveblaj. Eble mi ne volis ŝati pro malĝusta kialo : pro kompato. Ne miskomprenu min : pro kompato mi kompanjus, skribus leterojn por Amnestio Internacia ktp. Sed ne postulu, ke kompato diktu al mi literaturajn valorojn.

Ne necesis timi. Mi sentis konsciencriproĉojn, englutinte ege simpatian poemaron en biblioteko : kial mi ne esploris lin antaŭe? Simila timo pri Solĵenicin : post majstroverko „Unu tago de Ivan Denisoviĉ" mi legis interesan sed arte ne konvinkan „L' Unuan Rondon" – kaj poste maltrafis dum jaroj l' alian majstroverkon, „La kancerklinikon". Tion mi rakontas ne hazarde, ĉar ankaŭ Brodski rilatas skeptike al Solĵenicin : ne sufiĉis liaj rimedoj por priskribi sovetian realon, necesis pli modernisma Andrej Platonov, kies „Fundamenta Truo" (1929-30, ĵus aperinta en Sovetio) temas pri la pli kaj pli profunda fundamento por eventuala konstruaĵo, kiun oni fosas dum l' unua 5-jara plano, dum la jaroj de kolektivigo – venas kamparanoj, ĉiuj portas sian ĉerkon...

Brodski (1940-) trovis sian vojon en poezio dank' al Anna Aĥmatova ("homo kies nura ĉeesto cerbumigas pri kristana humilo ktp" – li eĉ organizis ŝian entombigon) kaj dank' al iuj olduloj al anglalingvaj verkoj, iuj tradukitaj poemoj kiuj spronis l' imagon : „Granda Elegio al John Donne" (kiu fontas el la noto de l' romano de Hemingway „Por kiu sonoras", ne rekte el la verkoj de Donne), „Al maljuna arĥitekto en Romo" (alude al poemo de Wallace Stevens), „Du horoj en rezervujo" ("Ekzistas ja spiritaj taskoj; / mistiko montras nur fiaskon, / plenumi ilin..."), kiu laŭ anekdoto de Brodski memorigis amikon pri W.H. Auden, do Brodski tuj komencis serĉi poemojn de Auden – kiu multe helpis lin en 1972 post forpelo el Sovetio.

Sed anglaj (aŭ usonaj) nomoj ne sufiĉas por kompreni l' etoson. Laŭ Brodski la plej granda rusa poeto de l' jarcento estas nek Aĥmatova nek Mandelŝtam nek Pasternak, sed – Marina Cvetajeva, tiu "plej viva poeto", kies superabundaj monologoj kaj cikloj (ekzemple „Novjara", al la ĵus mortinta Rilke) estas laŭ amplekso modelaj por Brodski. „Isaak kaj Abraham", 700 versoj ĉefe pri literoj, pri la diferenco inter Isak kaj Isaak ("Tuj forbrulonta la kandel', / reĉirkaŭgrimpas ĝin abel', / aperas floro, floroj fruktos, / sur ĉambromuro


Josif Brodski

l' ombroj luktas / fortreme..."), „Gorbunov kaj Gorĉakov", duoble pli longa dialogo en hospitalo kun dekversaj strofoj kies rimoj alternas abababab – komencas ĝin sonĝo pri l' vulpino kiu finis „Isaakon kaj Abrahamon".

Dum en la malpli febra rakontmaniero de l' detektivpoemo „Dediĉita al Jalto" (1969) sonas voĉo pli parenca al Miĥail Kuzmin (1875-1936 : vidu „Literaturan Foiron" 90). Mi citas nomojn ne por montri ke Brodski imitas aŭ pastiĉas, sed ĉar literaturo kreskas per konscio pri jamaj verkoj, kaj tia konscio estis

preskaŭ fatale frakasita en Sovetio. Facile oni povus nur barakte spuri tion, kion iuj jam esploris. Sed Brodski fontas freŝe ĉar li konas, ĉar li regas la tradicion.

Postekzilaj cikloj estas : „La Tamizo en Ĉelsi", „Decembro en Florenco", „Lulkanto de l' Morna Kabo" (Cape Cod en Usono), „Sonetoj pri Maria Stuart" (dudeko da), „Parolelemento" (de "Mi naskiĝis kaj kreskis en marĉoj ĉe l' Balta, tra grizaj / zinkaj ondoj al mi alkurantaj en daŭra duop' : / tiel fontas do rimoj..." al "Jen liber' : / ke pli dolĉas saliv' en la buŝ' ol ŝiraza halva'."), same 20 poemoj. Do ŝajne Brodski sentas sin plej hejme en cikloj kun l' amplekso de l' tradicia sonetkrono (do reen al l' epoko de John Donne! En Esperanto ekzistas tiu de Preŝeren), formo tute fremda al rusa literaturo, en kiu ne ekzistis baroko kaj maloftas sonetoj.

Mi intence ne parolis pri temoj. La titolon „Parolelemento" Brodski reuzis por rus- kaj angla-lingvaj poemaroj. Temoj fontas el parolo do. Difinita formo trudas disciplinon kaj rezultas parolmaniero, stilo el kiu fontas temoj.

Brodski ofte verkas per sentenc-aspektaj versoj, kiuj ŝajnas tre citeblaj. Sed prefere ne izolu ilin! (vidu la poemon, kiu sekvos) Se mi citus finan verson "L' objekto mem, ne pensoj pri l' objektoj", ĝi sonus nur pastiĉo de Wallace Sevens — sed post kvin strofoj pri kandeloj ĝi sonas alie.

Brodski nun eseas anglalingve (aperis pasintjare dika kolekto „En ĉambro kaj duono") kaj ankoraŭ poezias en la rusa, malgraŭ angla „Elegio por Robert Lowell" kaj anglaj tradukoj el rusaj originaloj. Ĉu li apartenas al usona pli ol rusa literaturo nun? Ambaŭ sendube bezonas lin : nur per tiaj periferiaj fenomenoj vivas ankoraŭ anglalingva (nordirlandaj poetoj, Derek Walcott el Sankta Lucia, kiun Brodski eble plej admiras inter kolegoj...)

Por prezenti lin mi prenis unu verkon tradukis ĝin pli malpli duone (precipe la strofojn kies rimoj estas preskaŭ internaciaj) ĉar tia estas Brodski : nur verko tiom longa montros kiel li parolas.

***Kris LONG***

## Josif Brodski: Kanto pri verŝita lakto

1

*Kristnasko. Jen mi kun malplenaj manoj.*
*Oni prokrastas mian romanon.*
*Kalendaron de Moskvo infektas Korano.*
*Kien veturi gaste?*
*Nek al amik', infan' malvarmumas,*
*nek al bordelo, nek en mondumon:*
*ĉie necesas ja monsumoj.*
*Sur seĝo min skuas agaco.*

2

*Kia metio, ho ve: poeto!*
*Telefon' mutas, do tuj: dieto.*
*Eblas ĉe loka instanco peti*
*— kvazaŭ virinon blagi.*
*Ĝenas ja pli, perdi sendependecon*
*ol perdi virgecon. Sendube decas*
*laŭ mi (ne parenco) prirevi edzon,*
*"Jam temp' esta" imagi.*

4

*Nu, al najbaroj mi ne tro fidas.*
*Troa stomako kuirinsidas.*
*Ĝenas pli, ke mi persone vidas*
*vivon kaj homokupojn.*
*Oni supozas min nur bandito,*
*mokas pri troa apetito*
*kaj ne komplezas per kredito:*
*"verŝu maldensan supon!"*

6

*Ĉirkaŭ mi glatas la viv' en marĉo*
*(Temas pri, kompreneble, l'amasoj).*
*Pravis do Markso. Sed min, laŭ Markso*
*trafus ofera rol'.*
*Kiun favoras nun la saldo?*
*Mi paradokse ekzistas, baldaŭ*
*mi faros el l'epoko salton.*
*Pardonu min pro l'petol'.*

*9*

*Nokto. La neĝo susure frapas.*
*Pavimon silente ŝovelo skrapas.*
*Al lucern' en kontraŭa fenestro mi gapas*
*hirte sur ŝtalrisorto.*
*Nur la lucernon (1) mi vidas. L'ikonon*
*ne. Mi alproksimiĝas balkonon.*
*Neĝo ŝirmante tegmentojn kronas,*
*domojn kun fremda sorto.*

*10*

*Frat', egaleco nuligas fratojn.*
*Tion komprenu sen plu debati.*
*Sklava sistemo nur sklavojn patras*
*eĉ post revolucio.*
*Kapitalistoj: for komunistojn.*
*Regas nun komunistaj ministroj.*
*Tiuj ĉi naskas morfinistojn.*
*Legu pri tio Lucion. (2)*

*11*

*Ne, ne vizitos nin ora fiŝo.*
*Marks industrias per nur bakŝiŝo.*
*Ne laboristojn reklamas afiŝoj:*
*tio la klason naŭzas.*
*Jen labor': celo de l'vivo. Kaj formo.*
*Mon' estas kvazaŭ ĝia platformo.*
*Io pretera al nutraj normoj.*
*Ĉu lanbulon maltaŭzi?*

*14*

*Sonas la horo kaj festsignalo.*
*Nuptos Laboro kaj Kapitalo.*
*Brilas malestimata metalo*
*(poste: vizaĝsankcio).*
*Plaĉas, nu, pli ol malplenaj manoj,*
*pli ol surdorsensaltantaj tiranoj,*
*pli ol kulturo de narkotanoj,*
*socio de l'injekcio.*

*20*

*Gravas al mi nenies bonfarto.*
*Tio aspektas gesto belarta.*
*Gravas internan perfekton varti:*
*noktomez', duonlitro, liro.*
*Arb' ol arbaro pli interesas.*
*Mankas komunaj interesoj.*
*Sed pli impetas interna progreso*
*ol tiu ĉi mond' al eliro.*

*23*

*Alie- regos nin telepatoj,*
*budhanoj, spiritoj, drog' preparata,*
*freŭdist', neŭrologo kaj psikopato.*
*Kaifo (3) kaj stat' eŭforia*
*diktos, ke ni kondutu laŭe,*
*narkotanoj per epoletoj sin laŭdos,*
*ikonon injekciil' anstataŭos*
*sen Savanto, sen Sankta Maria.*



Josif Brodski -Nobelpremiito

*24*

*Kovros l'animon granda vualo.*
*Oni kunmetos nin en spiralon,*
*plektos kokardon etil-moralan.*
*Jen l'objekto kaj tien verbo.*
*Tra l'nuboj ni karuseltrafikos,*
*al tero revenos nur por piko*
*ekskluzive, nur plua piko efikos*
*— dank'al kuraca herbo.*

*25*

*Mi vidas jam nian mondon, kiun*
*kovras per reto laboratorioj.*
*Kaj aranee trajektorioj*
*kovras plafonon. Urĝe!*
*Tio malplaĉas al l'okuloj.*
*En la homaro trioble da uloj.*
*Raso minacas la blankulojn.*
*Neeviteblas mortskurĝo.*

*27*

*Mi ne edukis min per sofistoj.*
*Iel virinas pacifistoj.Sed diri, ke nur*
*puruloj ekzistu*
*— kredu min, ni ne arogu.*
*Mi ne indikas al leĝtabuloj.*
*Premos nin certe la koloruloj.*
*Sed ja ni naskis ilin, ne lulis*
*— ne ni do mortepilogu.*

*28*

*Gravas al multaj krei kontenton*
*(legu ĉe Hobbs (4) tiun ĉi sentencon).*
*Mi sidas sur seĝo, ĝisnombras centon.*
*Kota purig-proceduro.*
*Danci sur tomboj oni evitu.*
*Krei abundon en mondo ŝtopita*
*— estus kristane. Pli sprite:*
*en tio konsistas Kulturo.*

*31*

*Nokto. Blokada frost' en flankstratoj.*
*Iaŭ trotuaroj kuŝas karpatoj.*
*Planedojn lucerne balancatajn*
*ŝaltis sur la ĉielo*
*Dio en plej mirinda humilo*
*antaŭ vizaĝ' nekonata al miloj*
*(poemoj kolektas pruvojn, krimilojn)*
*kiel en granda kapelo.*

*32*

*Novjaran nokton mi sidas sola.*
*Brulas helbrile kaseroloj.*
*Mano miksturon tuŝas konsole.*
*Nervo demone dratas.*
*En mia nuko mi sentas ardon,*
*drinkitajn botelojn memor' rigardas,*
*Kresty, Butyrki, Volgdan gardon.(5)*
*Esence mi ne rebatos.*

*33*

*Mi sidas sur seĝ' en apartamento.*
*Niagaro gargaras en rekremento.*
*Pafota celo- jen mia sento,*
*frapeto tremigas strese.*
*Mi riglis ŝtupran pordon al korto,*
*nokto min celas per ŝafkornoj*
*kiel Amor' el ark' aŭ korke*
*Stalin dum la 17a kongreso.*

*34*

*Mi ŝaltas gason, varmigi l'ostojn,*
*kolere trema sur seĝ' en frosto.*
*Perlon mi lasos en komposto!*
*Tion aŭdaci tentas!*
*Sterkon esploru uloj surloke,*
*ne patriot', sed Krilova koko.*
*Nek voku min KGB nek moku.*
*Moner' en subŝtofo, ne tintu!*

*39*

*Melankolian nokton mi sentas.*
*De l'tapeto rigardas l'iama cento.*
*Ĉu iri bordelon? Tre kontente*
*numismatino peros.*
*Pigro ne volas urĝi, prokrastas.*
*Restas senbrue sidi, fasti*
*kaj krucosigni fenestron - la lastan -*
*ĝis ankaŭ ĝi malaperos.*

*( 1969 )*

*El la rusa tradukis :* **Kris LONG**

*1) pendanta lampo*
*2) Lucio de Patraso (2 jc a.K.)*
*3) ŝveba animstato de feliĉo (en rusa slango)?*
*4) Hobbes = angla filozofo (1588-1679)*
*5) gulagaĵoj*

# KONCIZA HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO

*LG daŭrigas ĉi-sube la historion de la Esperanto-literaturo, kiu troviĝas en la giganta hispanlingva „Enciclopedia Universal Ilustrada Europeo-Amerikana".*

Kun la dua mondmilito, venis nova interrompado pli tragika ol la unua por la esperantista movado, kiu jam estis viktimo, en la tridekaj jaroj, de la faŝistaj reĝimoj en Eŭropo kaj Japanujo. Nur en Svislando, Edmond Privat klopodis kontakti esperantistojn disajn en Eŭropo pro la milito, kaj, en Svedujo, Stellan Engholm, daŭrigis la eldonadon de „Malgranda Revuo". Sed kiam finiĝis la problemoj, la literaturo denove reviviĝis, nun jam definitive.

Same kiel en la dua epoko, la literatura movado disvolviĝis ĉirkaŭ eldonejo, ĉifoje ĉirkaŭ Stafeto, fondita de J. Régulo Pérez, profesoro en la Universitato de La Laguno (Kanarioj). Praktike ĝis la sepdekaj jaroj, ĉiuj gravaj esperantaj verkoj estis eldonitaj de Stafeto, en Kanarioj. Iom post iom aperis verkoj eldonitaj de aliaj eldonejoj, kiel Amo-Akademio, Esperanto-Kenkjuŝa, la Omnibuso kaj Pirato en Japanujo, Esperanto Publishing Company en Britio, Koko en Danlando ktp.

Se, dum la epoko inter la du mondmilitoj la revuo kaj eldonejo „Literatura Mondo" faris de Budapeŝto grandan literaturan centron de Esperanto, ekde kiu ĉio disradiis, nun la situacio universaliĝis pli, kaj ekestis diversaj revuoj kiuj ludas kulturan rolon tre gravan kaj kiuj disaj en multaj landoj iras al la renkontiĝoj de pli kultura internacieco. La plej grava estis sendube „Norda Prismo", kiu startis en 1955a kaj eldonis sian lastan numeron en 1974a, post dujara interrompo. Se, kiel ĝia nomo indikas, ĝi havis dekomencan celon, dediĉi specialan atenton al la literaturo kaj kulturo de la nordaj landoj, ĝi finis grupiginte ĉirkaŭ si la malnovajn kaj novajn verkistojn kaj transformiĝinte en la plej gravan literaturan revuon en Esperanto. Dua, laŭ sia graveco, estis „La Nica Literatura Revuo", kiu eldoniĝis, ekde 1955a ĝis 1962a en la franca urbo Nice kaj kie kunlaboris la plej bonaj verkistoj. Tiu ĉi eldonejo estis tre grava stimulilo por la evoluo de la originala literaturo en Esperanto. Poste aperis en Nederlando (1958), la revuo „Belarto", lukse eldonita

ENCICLOPEDIA

VNIVERSAL ILVSTRADA

EVROPEO-AMERICANA



ETIMOLOGÍAS

SÁNSCRITO, HEBREO, GRIEGO, LATÍN, ÁRABE, LENGUAS INDÍGENAS AMERICANAS, ETC.

VERSIONES DE LA MAYORÍA DE LAS VOCES EN

Francés, Italiano, Inglés, Alemán, Portugués, Catalán

Esperanto

TOMO III

BARCELONA

HIJOS DE J. ESPASA, EDITORES

579 - CALLE DE LAS CORTES - 579

daŭrigota

sub la gvidado de William Auld; ĝi estis tre grava malgraŭ apero de nur du numeroj. "Kultura Mondo" havis pli da ŝanco do ĝi atingis la eldonkvanton de dekkvin numeroj trimestraj, aperante ekde la komenco de 1962a ĝis la fino de 1966a. Tiu ĉi valora eldonaĵo entenis (reflektis) la du tendencojn ekzistantajn en la esperanta literaturo : tiun kiu donas ĉefan atenton al originalaj verkoj kaj tiu kiu valorigas, antaŭ ĉio, la tradukojn. La kvin unuaj numeroj estis gvidataj de la poeto William Auld kaj estis dediĉitaj precipe al la aperigo de originalaj verkoj; la aliaj dek numeroj sub la gvidado de A. Albault, estis dediĉitaj, antaŭ ĉio, al tradukoj. Alia revuo kiu pretendas esti la daŭriganto de la antaŭaj, precipe de „La Nica Literatura Revuo", estas „Literatura Foiro", juna revuo, kiu jam daŭris pli ol iu ajn alia, escepte de „Norda Prismo", ĉar ĝi startis en 1969a kaj ankoraŭ aperas vivoplena el siaj tri redaktejoj en Svislando; Italujo kaj Finlando.




*   *
*

Tre grava dato estas 1952. Ĉar ĝi markas la aperon de la libro „Kvaropo" kie prezentiĝas kvar novaj poetoj : William Auld (1924), Reto Rossetti (1909), John Dinwoodie (1904) kaj John I. Francis (1924). Kvankam tre malsimilaj inter si, ili havas komune altkvalitan literaturon. El ili, nur Dinwoodie ne daŭrigis sian karieron. John I. Francis, aperigis en 1960 rakontan libron „Vitralo", de nedubinda literatura kvalito. Reto Rossetti, skoto el prapatraro ital-svisa, faris mirindan literaturan karieron kun la aperigo, en 1955 de la rakontetoj : „El la maniko", kaj „Pinta krajono", poemoj, en 1959; krome li disvolvigas grandan aktivadon kiel tradukisto de Shakespeare.

William Auld post sia partopreno en Kvaropo, aperigis unu el la plej gravaj poemoj de la eŭropa literaturo, se ne de tiu ĉi jarcento, almenaŭ de ĝia dua duono: „La infana raso", 1956. Tiu ĉi poeto aperigis poste aliajn poemlibrojn, kiel „Unufingraj melodioj", en 1960, kaj „Humuroj", en 1969, kiuj subtenas lian pozicion de bona poeto, sed kiuj ne sukcesis superi "La infana raso"-n, poemon kiu markas tutan epokon. William Auld, bona poeto, havas krome la meriton kompili la unuan grandan historian antologion pri la esperanta poezio, ekde ĝiaj komencoj, en 1887 ĝis 1957. Pritraktiĝas grandformata volumo kun 640 paĝoj, kiuj inkluzivas verkojn de 90 poetoj apartenantaj al 30 diversaj landoj, internaciismo tre esprimema de la universaleco de la esperanta literaturo. Sammaniere, iomete poste (1964), Reto Rossetti kaj Ferenc Szilàgy kompilis rakontan antologion, kvankam ne tiom ampleksan. Entute la volumo „33 rakontoj-La esperanta novelarto" havas rakontojn de 29 verkistoj el 17 landoj. Estis la momento fari bilancon pri la realigita laboro, kiu evidentiĝis sufiĉe pozitiva.

*( daŭrigota )*

*esperantigis* ***Joan Rafols Vendrell***

# LA GRAMATIKLA PUNKTO

## AG-ESPRIMADO

Verbo (el la latina "verbum") tiel nomita, ĉar ĝi estas la ĉefa vorto de frazo, ofte esprimas agon, kiu supozigas aganton kaj objekton : „Maria kombas al si la harojn".

Laŭ tio, ĉu la subjekto de la verbo **plenumas** aŭ ne la agon, oni distingas la voĉojn... kiam la subjekto(j) estas :

- **aktivan** - aganto
  - „Maria kombas..."
- **refleksivan** - aganto kaj objekto
  - „Maria kombas sin"
- **reciprokan** - agantoj kaj objektoj reciproke
  - „Infanoj kombis unu la alian" (aŭ sin reciproke)
- **pasivan** - objekto
  - Ŝiaj haroj estas nun kombataj de Maria
- **medialan** - objekto (sen ideo de aganto)
  - Laŭ la venta direkto ŝiaj haroj kombiĝis
- **faktitivan** - aganto (kun alia: rimedo)
  - Maria kombigis al si la harojn per frizisto.

RIMARKO : Sensubjektivaj estas meteorologiaj fenomenoj : pluvas! kaj fizikaj aŭ konvenecaj impresoj, kiel : Estas malvarme... bone... k.t.p.

Laŭ tio, ĉu la ago de la verbo **transiras aŭ ne** sur objekton, oni distingas
**transitivajn verbojn** kaj **netransitivajn verbojn**
aŭ rektajn (sen prepozicioj)
Iu komencas ion
aŭ nerektajn (kun prepozicioj) Li staras ĉe
Tio plaĉas al li. la pordo.

RIMARKO : - Male al tio, kio oftas en multaj lingvoj, la verboj en Esperanto estas aŭ **transitivaj** aŭ **netransitivaj** kaj devas alpreni malsamajn formojn por transitiviĝi aŭ netransitiviĝi : tiucele servas la afiksoj : - **ig** kaj - **iĝ**, kaj diversaj prepozicioj (LA GAZETO n° o p. 18).

Tial estas plej utile lerni la verbojn kun la transitiveca karakterizaĵo :

Iu haltas sed haltigas ion, Iu iras sed irigas ion.
Se iu finas ion, io finiĝas. Se iu ŝiras ion, io ŝiriĝas.

EKZERCOJ I (Karakterizi per "iu" aŭ "ion" la verbajn formojn) 1 - agordas, 2 - sidas, 3 - balanciĝas, 4 - adaptas, 5 - kuŝas, 6 - tordiĝas, 7 - rulas, 8 - perdas, 9 - ofendiĝas, 10 - silentas, 11 - okupas, 12 - trudas.

EKZERCOJ II (En mallongaj frazoj netransitivigi aŭ transitivigi la verbajn formojn laŭbezone per "ig" aŭ "iĝ").

SOLVOJ I 1) ion, 2) iu, 3) iu, 4) ion, 5) iu, 6) iu, 7) ion, 8) ion, 9) iu, 10) iu, 11) ion, 12) ion.

SOLVOJ II 1) Iu agordiĝis feste. 2) Iu sidigis lin. 3) Li balancas sin. 4) Li bone adaptiĝis. 5) Li kusigis ŝin sur la lito. 6) Li tordis al si la fingron. 7) Li ruliĝis sur la sablo. 8) La letero perdiĝis. 9) Ŝi ofendis la fraton. 10) Oni silentigis la motoron. 11) Li okupiĝis pri leterskribado. 12) Trudiĝis al li malbona intenco.

**J. T.**

## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

***Florencon**, laŭ la tradicio fondis Julio Cezaro, detruinte la pramalnovan etruskan urbon Fiesole, **iaman** bivakurbon de Sulla kaj Catilina, kaj **konstruigante** en **ĝia** proksimo la urbon Florentina, kiu, en **ĉi tiu** belega **valo**, vere estis **inda** al la nomo Florurbo. La praloĝantaro de la nova urbo **konsistis** parte **el** romanoj, parte **el** eks-fiesolanoj. Laŭ la kroniko de Villani, en ĉi tiu miksaĵo oni devas serĉi la kaŭzon de la senĉesaj partikvereloj, kiuj karakterizas la historion de la urbo.*

***Kovrilpaĝa foto :** Metz, urbo de la IEK 1988 - novromieska protestanta templo sur urbocentra insuleto*

